XXa jaro. No 286 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## Al Vieno por kongresi.

Oni memoras la tre malspritan rimarkon de filozofo Bergson ĉe la Intelekta Komisiono de la Ligo de Nacioj Laŭ lia opinio, kvankam li konfesis la praktikan utilecon de Esperanto, ĝia oficialigo malhelpus la veran interfratiĝon inter popoloj, ĉar nur nacia lingvo esprimas animon.

Simila argumentado nun floras inter kelkaj teozofoj, kiuj forgesas ekzameni la faktojn antaŭ juĝo. Ĵus aperis en unu el la teozofaj gazetoj artikolo plena je eraroj pri la celo kaj vivo de Esperanto. Ni rekomendas al la aŭtoro, ke li venu al Vieno kaj ĉeestu nian universalan kongreson por konstati kiel malproksime li staras de la vero kaj scio. Cetere tia danĝero minacas ĉiun, kiu riskis paroli pri afero, kiun li ne sufiĉe konas.

Do, laŭ tiu artikolo, Esperanto ne povas havi propran spiriton kaj oni ne povas pensi en ĝi. Ĉiu esperantisto, kiu kutimas uzi nian lingvon, jam tuj neos senhezite la du asertojn kaj per tio ankaŭ la trian, laŭ kiu eĉ ĝiaj subtenantoj konfesas tion.

Ne, estimata kritikanto, ni ne konfesas tion, sed ĝuste la malon.

Venu al Vieno por la granda jarfesto de la esperantistaro kaj vi konstatos, ke nia lingvo havas spiriton, esprimas animojn, ne nur individuajn, sed unu kolektivan, la animon de naskiĝanta nova homaro, konscia pri sia unueco. Lernu mem la lingvon. Aŭskultu la aliajn kongresanojn kaj vi bone vidos, ĉu ili scias, pensi en Esperanto aŭ ne.

Teozofo ne devus ignori la penson de Zamenhof, lian altan homaranan idealon, lian inspiron, kiu donas la tutan vivon, ne nur al nia movado, sed al la lingvo mem. Same kiel naciaj lingvoj esprimas la apartan genion de unu gento, same Esperanto esprimas la genion de tiu juna homaro, kiu klopodas ekekzisti super la diferencoj de rasoj kaj religioj

Al kio ja servus niaj kongresoj, se ne regus tia forta sento, kiu allogas milojn da homoj al komuna renkontiĝo? Same kiel la antikvaj Hebreoj kunvenis unufojon jare en Jerusalemo por festi Paskon, diras iam nia Majstro, same la esperantistoj kunvenas ĉiujare por festi la internan ideon de esperantismo.

Tio estas ja la celo mem de niaj kongresoj kaj neniu, kiu volas ion kompreni pri la profunda senco de la esperanta movado devas preterlasi la okazon alveturi al Vieno por ĉeesti tiun grandan feston de homara idealo.

Vidinte kongreson de esperantistoj ĉiulandaj kaj poste komparinte kun aliaj kunvenoj de diversnaciuloj, ĉe kiuj regas plena konfuziĝo aŭ trudo de unu aŭ du naciaj lingvoj kontraŭ la ceteraj, tiam oni povas juĝi la valoron de la Zamenhof'a verko.

*Venu do al Vieno!*

Ĉiuj esperantistoj devus klopodi alkonduki kun si ĵurnalistojn aŭ sciemajn homojn ekster nia movado, por ke ili vidu per si mem kiel funkcias kaj ankaŭ kion signifas Esperanto. Homoj, kiuj deziras la kunfratiĝon de la rasoj, ne povos resti blindaj antaŭ la lumo.

Venigu ilin al la suno!

*Edmond Privat.*



# LITERATURO



## FERDINANDO RAIMUND

kaj **„La „Malŝparulo".**

*D-ro Edmund Sós.*

Laŭ la tradicio de niaj universalaj kongresoj, decidiĝis ankaŭ la Loka Kongresa Komitato de la XVIª en Wien (Vieno), elekti por la okazonta teatra prezentado verkon de enlanda poeto, en kies dramoj respeguliĝas la speciala karaktero de l' aŭstra sentimento kaj de bonanima pensmaniero. Kiel unu el la plej eminentaj en ĉi tiu rilato estas konsiderata *Ferdinando Raimund*, estinta certe la plej ŝatata popola verkisto, inter kies popolaj dramoj la plej bona estas „La Malŝparulo", elektita por la kongreso.

Mi volas do al ĉiuj gesamideanoj, kiuj ĉeestos la prezentadon aŭ kiuj volas nur legi la dramon sciigi iom pri la vivo kaj agado de Raimund.



*Ferdinando Raimund* naskiĝis la 1 Junio 1790 en Wien, kiel filo de arttornisto. La gepatroj vivis en tre modestaj cirkonstancoj kaj ne povis oferi multon por la instruado de la knabo. Krom vizito de elementa lernejo, li lernis desegni, violonludi kaj studadis la francan lingvon. La muzika instruado grave helpis lin poste ĉe liaj kantadoj kaj komponaĵoj.

Jam en junaj jaroj sentis Raimund grandan emon por la aktoreco, sed la gepatroj, pro tiutempe reganta antipatio al ĉi tiu metio, energie kontraŭstaris lian inklinon. Lia patro eĉ sur la mortolito malbenis la filon pro lia necedemo. Raimund estis jam kiel 14-jara knabo orfiĝinta. La fratino de lia patro prenis sur sin lian pluan edukadon. Li venis al sukeraĵisto, kiel metilernanto. Tiamaniere li havis hazarde bonan okazon, konatiĝi dum vendado de sukeraĵoj kaj frandaĵoj en unu el la Vienaj teatroj, kun la scenejaj aferoj. Dum tri jaroj li restis ĉe tiu metio, poste en la jaro 1808 li subite malaperis el la vendejo kaj iris al iu ĉirkaŭvaganta teatra trupo, por trovi tie okupon. Sed pro difekto de elparolo (li ne povis korekte elparoli la literon „r"), li ne estis akceptita. Baldaŭ post tio li trovis okupon ĉe provinca teatro, subtenata de kelkaj riĉaj kavaliroj. Sed kia seniluziiĝo! Okaze de sia unua prezentado kiel komikulo kreskis de sceno al sceno la malkontento de la publiko kaj li estis eksigita. Kun Demosten'a persisteco li klopodis forigi sian paroldifekton, kio line sukcesis. Vagante de nun de unu loko al la alia en granda mizero, fine en la jaro 1813 li povis prezenti sin en Wien. En kelkaj roloj li plaĉis jam en la komenco kaj fariĝis iom post iom, per sia vigla personeco, de la publiko tre ŝatata aktoro, kiu ŝatado fine altiĝis al granda entuziasmo pro lia kapablo.

Jam en tiu tempo evidentiĝis la poeta talento de Raimund. Por diversaj teatraĵoj, en kiuj li ludis, li skribis kelkajn scenojn kaj kupletojn. En la jaro 1823 estis prezentata lia unua drama verko: *„La barometrofaristo sur la sorĉa insulo"*. Ĝi akiris bonan sukceson. La tiel aliritan vojon daŭrigis do Raimund kun granda fervoro kaj skribis serion da tre bonaj popolaj dramoj kun kantoj. Li ludis mem en ili la ĉefrolojn. En la dramoj de Raimund troviĝas malgraŭ simpleco de la ago, — tio estas ja atributo de popolaj teatraĵoj — multaj dramecaj belaĵoj. Lia ĉefa celo estis distingigi la popolan teatron, kiu ĝis tiu tempo kontentiĝis per plimalpli banalaj prezentadoj, kaj nobligi la guston de la publiko, interesigante ĝin por la pli bono. El liaj verkoj estas speciale menciindaj la popoldramoj *„La knabino el la feina mondo"* (1826), teatraĵo kun ne priskribeble elegia beleco kaj *„Reĝo de la alpoj kaj la mizantropo"* (1827), kiu okaze de la prezentado estis entuziasme aklamita. Ĉi tiu lasta estas ankaŭ tradukita anglen kaj estis ludata (1831) en la Adelfi Teatro en London. En 1833 Raimund skribis „La Malŝparulo"-n. Ludata la unuan fojon en 1834 en Wien, la dramo estis akceptata kun neniam ĝis tiu tempo spertita entuziasmo. Oni prezentis ĝin 42 foje sinsekve. (La muzikon por la entenataj kantoj komponis Conradin *Kreutzer*). Ĉi tiu vere klasika popola dramo, la plej bona, kiun Raimund verkis, malaperis neniam plu el la repertuaro de germanaj kaj precipe de aŭstriaj teatroj. Ĝi efikas ankaŭ nuntempe kun la sama impreso al la aŭskultantoj. La disponebla spaco ne permesas detale priskribi ĝian enhavon. Sed efektive eĉ la plej ampleksa priskribo ne povus redoni la ĉarmon de ĉi tiu vere poezia verko. Kvankam kelkaj scenoj en la unua akto kelkrilate ankoraŭ akomodiĝas al iomete sorĉfabelaj agoj, laŭ pli fruaj verkoj de Raimund kaj kelkaj figuroj ŝajnas esti burleskaj, tamen la ĉefpersonoj, precipe en la tria akto estas tiel dramatike ekzakte karakterizitaj, ke la impreso restas neforgesebla. Ankaŭ la diversaj epizodaj roloj estas veraj majstraĵoj de drameca arto. Inter la diversaj kantoj estas la „Rabotilkanto" de Valentin kvazaŭ interpretilo de tuta vivofilozofio. „La Malŝparulo" estis la lasta verko de Raimund kaj li mem nomis kun kvazaŭa antaŭsento, la Rabotilkanto'n, sia mortokanto. Ĝi estis efektive lia cignokanto. La 1 majo 1836 li ludis en Hamburg lastfoje la rolon de Valentin, kaj ne aperis plu sur la scenejo. Raimund estis malgraŭ siaj grandaj sukcesoj kiel poeto kaj aktoro, viro kiu en sia tuta vivo ne sentis la ĝuon de feliĉo. Multe influis la malfeliĉon de lia sorto krom lia granda pesimismo kaj melankoliemo ankaŭ tre malagrablaj spertoj en lia edzeca vivo kaj poste, kiam ĉi tiu finiĝis, en siaj amaferoj. En la jaro 1836 gravege altiĝis la grado de lia hipoĥondra stato. Ĝuste en tiu tempo li estis unu tagon tute indiferente mordita de sia hundo en fingron. Ĉi tiu cirkonstanco tiel ekscitis lin, pro timo pri eventuala malsaniĝo je liso, ke li alpafis sin per pistolo en la buŝon. La projektilo enpenetris la cerbon kaj ne estis trovebla. Post kvintaga terura suferado mortis Raimund la 5 Septembro.

La ĉefaj karakterizaj trajtoj de Ferdinando Raimund estis profunda religieco kaj entuziasma adorado de la naturbelaĵoj. Kiel aktoro kaj poeto, sed ankaŭ kiel privata homo li estis, ne nur en sia hejmlando, sed ankaŭ en eksterlando, tre amata kaj ŝatata. Liaj verkoj trovas per diversaj eldonoj ankoraŭ nun grandan disvastiĝon kaj atenton.

Raimund apartenas al la plej eminentaj popolaj poetoj de ĉiuj tempoj.



## NATURO KAJ SCIENCOJ



# La centjara geometrio absoluta.

Ĵus pasis cent jaroj depost la matrikulado de la geometrio absoluta. Ĉar ne estas ĉiutaga okazo festi revenon de naskiĝdato de iu scienco, ŝajnas inde skizi almenaŭ per kelkaj vortoj ĝian devenon.

En la III. jarcento a. Kr. la greka geometro Eŭklides la unuan fojon kolektis ĉiujn geometriajn sciojn de sia epoko kaj kunigis ilin en sisteman tutaĵon en sia verkego „La Elementoj". Lia metodo estis, ke post difino de la fundamentaj ideoj geometriaj li kunmetis liston de aksiomoj, t. e. de tezoj, kies pruvado estas superflua, ĉar ili estas — laŭ lia opinio — de si mem evidentaj. Per ĉi tiuj difinoj kaj aksiomoj deduktinte unu post alia ĉiujn tezojn li ekkonstruis la tutan geometrion. „La Elementoj" estas vera majstroverko, modelo por konstrui sciencon el plej ĝiaj simplaj ideoj. Pro sia severa konsekventeco ĝi akiris aŭtoritatecon, kian eĉ unu alia verko ne sukcesis atingi dum la pasintaj jarmiloj krom la Biblio. Tamen oni trovis en ĝi jam en la plej fruaj tempoj post ĝia apero riproĉindaĵon. Nome oni sentis, ke la XIa aksiomo de Eŭklides ne estas de si mem evidenta, ĉar kvankam ĝi ŝajnas konformi al la realeco, tamen oni povas imagi al si du rektojn netranĉantajn unu la alian, kiuj fermas kun tria ilin tranĉanta rekto internajn angulojn kun pli malgranda sumo ol du ortanguloj. Granda debato nun komenciĝis, kiun partoprenis preskaŭ ĉiuj eĉ iom seriozaj geometroj de dumil jaroj. Fariĝis du partioj, kies unua surprizita de la modela konsekventeco de la Eŭklida traktadmaniero en la Elementoj opiniis nepermeseble pridubi la pravecon eĉ de parto de ĝia enhavo, dum la alia klopodis pruvi la verecon aŭ neverecon de la menciita aksiomo, aŭ la eblecon aŭ neeblecon de ĝia kontraŭo. Ĉi lastaj pensis, ke supozante la kontraŭon de la aksiomo oni devas veni al absurdaj sekvoj. Ĉiuj klopodoj restis vanaj. Eĉ plej eminentaj reprezentantoj de la geometrio ne sukcesis solvi la problemon, kontraŭe ili kaŭzis konfuzon, ĉar supozinte la kontraŭon de la XIa aksiomo ili konstruis novan, neeŭklidan geometrion, kiu ne enhavis kontraŭdiron, samkiel la Eŭklida geometrio, do oni havis du geometriajn sistemojn bazitajn sur kontraŭajn fundamentojn.

Johano Bolyai de Bolya (1802—1860) kiel 10—12 jara knabo jam ekkonis la problemon de la paraleleco de sia patro kaj gvidanto en la matematikaj studoj Farkas Bolyai de Bolya, genia profesoro de la matematiko ĉe la reformita kolegio en Marosvásárhely. Farkas de Bolyai ankaŭ mem sin vane okupis pri la paraleleco dum pli ol 20 jaroj kune kun sia plej intima universitata amiko Gauss. Johano ja bone konis la turmentojn, kiujn kaŭzis la malsukcesoj al lia patro, tamen li ne obeis la patrajn admonojn, kaj dum siaj studentaj jaroj en la Viena militinĝeniera akademio li seninterrompe atakis la ŝajne ne venkeblan fortikaĵon de Eŭklides. En septembro de 1823 Johano forlasis la akademion kiel subleŭtenanto de la militinĝeniera korpuso, kaj du monatojn poste, *la 3 novembro 1823*, jene li skribis al sia patro: „Mi decidis, ke tuj kiam mi ĝin finordigos, pretigos kaj havos rimedojn, mi eldonos libron pri la paraleloj; ĉimomente ĝi ankoraŭ ne estas eltrovita, sed la vojo, kiun mi ekiris, preskaŭ certe promesis la sukceson, se ĝi entute estas ebla; ĝi ankoraŭ ne ekzistas, sed mi devenigis tiajn belegajn aferojn, ke mi mem ekmiris, kaj estus por ĉiama malprofito ilia perdiĝo; se vi ekvidos ilin, kara paĉjo, vi rekonos; nun mi povas diri ne pli ol tiom, ke *mi kreis el nenio novan alian mondon.*"

La nova mondo de Johano de Bolyai estis la solvo de al dumiljara problemo, kaj la citita letero la unua sciigo pri la naskiĝo de la geometrio absoluta. Ĝin publikigis Johano kiel aldonon al la unua volumo de la latinlingva ĉefverko de sia patro „Tentamen". Ĉi tiu aldono estas ĝenerale konata sub la titolo „Appendix", dum ĝia vera titolo esperantigita estas jena: „Absolute reala scienco de l' spaco, sendependa de la „apriorie neniam konstatebla" praveco aŭ malpraveco de la XIa aksiomo Eŭklida, aldonite por okazo de ĝia malpraveco la geometria kvadraturo de l' cirklo. De l' aŭtoro Johano Bolyai de samtie, kapitano de milita geometraro en la imperiestra reĝa armeo aŭstra."

Ĉi nova mondo nek jesas, nek neas la XIan aksiomon de Eŭklides, sed tute forlasinte ĝin konstruas la tutan geometrion. Kaj la grandioza rezulto ne estas geometrio, sed sistemo de sennombraj geometrioj, inter ili la jam konita neeŭklida kaj ankaŭ la Eŭklida geometrio kiel limokazo.

Johano de Bolyai ne estis sola eltrovinto de la geometrio absoluta. Preskaŭ samtempe ankaŭ la rusa matematikisto Nikolao Lobaĉevskij, profesoro de la Kazana Universitato, atingis preskaŭ saman rezulton. La teksto de lia ĉirilata unua prelegado en 1826 ne estas konata, sed laŭtitole ĝi temis nur pri la neeŭklida geometrio. Li atingis la vidpunkton de Bolyai nur en sia ruslingva disertacio publikigita en 1829, sed siaj pruvoj ne estas tiel plenaj, kiel tiuj de Johano de Bolyai. La verko de Bolyai aperis nur en 1831, sed en la tiam ankoraŭ internacie uzita latina lingvo. Laŭ publikigo do Lobaĉevskij havas la antaŭecon, kion tamen faras duba la en sciencaj rondoj malmulte konita rusa lingvo kaj la menciita nepleneco de la pruvoj, dum la citita letero, kaj la fakto, ke Johano de Bolyai jam en 1825 transdonis germanlingvan prilaboraĵon de sia teorio al sia estinta profesoro, siatempa superulo Walter von Eckwehr, pruvas, ke tamen Bolyai pli frue ekkonis la novan mondon, ol Lobaĉevskij.

Pasis cent jaroj, kaj la geometrio absoluta fariĝis ampleksa scienco, kaj unu el la plej gravaj bazoj de la matematikaj kaj natursciencoj, kies plej juna, sed eble plej bela venko estas ĝia rezultoplena aplikado en la relativeca teorio de Einstein.

Kiam ni hodiaŭ rememoras pri la naskiĝo de la geometrio absoluta kaj pri ĝia unua eltrovinto, eble ne estos seninterese konigi al la Esperantistaro, ke Johano de Bolyai estis ne nur eminenta matematikisto, sed ankaŭ unu el la antaŭbatalintoj de la mondlingva ideo. Kvankam tute ne estis ĝusta la vojo, kiun li ekiris trovinte la hungaran lingvon plej taŭga por bazo de la komuna lingvo, la ideoj starigitaj de li, t. e., ke la komuna lingvo devas malhavi esceptojn, kaj ke devas esti unusenca interrilato inter ideoj kaj iliaj esprimvortoj, estas la samaj, kiel tiuj de nia Esperanto.

P-ro *Lud. König,*
*Miskolc,* Hungarlando.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Informilo de Esperantistaj Organizaĵoj. — Kroniko. — Alvokoj.

### Ĉeĥoslovaka Esperanto-Instituto en Praha

aranĝinte dum la printempa foiro esperantan standon, vizititan interalie de S-ro Srba, ĉs. ministro por publikaj laboroj, transdonis al 2000 ekspozintoj priesperantajn informilojn — 26. III. okazis parolado de D-ro Konopásek pri „Esperanta verbo". Privata esper. lernejo de ĈEI estis fermita 3. IV. per ekzamenoj, faritaj antaŭ ekzamena komisio de ĈEI de 6 gelernantoj, pluaj 3 faris ŝtatan ekzamenon, 17 ricevis ateston pri vizitado. — Esperantan kaj radiofonan konferencojn en Genève ĉeestis S-ro Pitlík, oficiala delegito de ĈEI kaj „Radioslavia", kiu raportis pri la tiurilataj rezultoj en membra kunveno de ĈEI (30. IV.), Esper. Klubo (9. V.) kaj Rondeto (10. V.). — Por la monsubteno (1000 Kč.), ricevita de la instruadministerio, ĈEI aĉetis 100 librojn kiel bazon de la fondata publika biblioteko esper. — ĈEI fondis propagandan UEA-sekcion, estrotan de la prezidanto de ĈEI. — Ĉs. fervojministerio helpe de ĈEI eldonis por la ĉeestantaro de la XVIa en Wien esperantan ilustritan propagandilon. — En „Radio-Journal" kaj „Radiotelegrafie" aperigis ĈEI-artikolojn pri „Radio kaj Esperanto".

---

### IVa Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda.

**Bruxelles, 14—18 aŭgusto 1924.**

**Komuniko.**

Kongresadreso: K-do Basteels G., 19 rue de Sébastopol, Anderlecht-Bruxelles.

Kongresejo: Popoldomo, str. Jos. Stevens, Bruxelles.

Kongreskotizo: Nederlando, Britio, Usono, Hispanio, Ĉinio, Japanio, Svisio, Norvegio, Svedio, Danio pagos 1 dolaron aŭ egalan sumon en nacia mono. — Belgio, Francio, Italio, Ĉeĥoslovakio, Portugalio pagos $^1/_2$ dolaron aŭ egalan sumon en nacia mono. — Germanio, Polio, Aŭstrio, Rusio, Hungario, Rumanio, Bulgario, Estonio, Jugoslavio pagos $^1/_4$ dolaron.

Aliĝo: valoraj estas nur la aliĝiloj akompanataj de la kotizo. Oni tekstu legeble sian aliĝilon laŭ jena ordo: familia nomo, nometo, aĝo, profesio, strato kaj numero, urbo, lando, S. A. T.-matrikulo. Aliĝilo, kotizo kaj ĉio prikongresa estu adresata al K-do *Basteels G.*, 19 rue de Sébastopol, Anderlecht-Bruxelles (Belgio).

Pri kongres-programo, tezoj kaj proponoj debatotaj, eldonaĵoj, ekspozicio, propagand-manifestadoj, mitingo, festo ktp. legi la plenan komunikon en „Sennacieca Revuo" (peti specimenon al Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 rue Boyer, Paris XX).

---

### Interfoira Komisiono.

Kvankam mi forsendis la leterojn por la komisionanoj regule al 22 foiroj, kiuj antaŭe montris intereson por la propagando per Esperanto, mi ne sukcesis havigi al mi la respondojn de ĉiuj. Al mia letero de la 20. VIII. 23 respondis nur 7 foiroj. Al nova letero rekomendita de la 10. IV. 24, en kiu mi demandis, ĉu oni konsentos Interfoiran Konferencon en Wien — dum la tempo de la kongreso, sed ekster la kongresaranĝoj — ĝis nun respondis nur 10 foiroj (nome: Basel, Barcelona, Bordeaux Budapest, Frankfurt a. M., Königsberg, Leipzig, Ljubljana, Lyon, Reichenberg).

Mi urĝe petas la Esperanto-Fakulojn de la nerespondintaj Internaciaj Foiroj kaj ĉi tiujn, kiuj en la pasinta jaro klopodis pri la enkonduko de Esperanto en la foirojn, ke ili tuj vizitu sian foirdirektoraron kaj demandu, kial oni ĝis nun ne respondis, kaj ĉu la koncerna foiro ankoraŭ volas partopreni la laboron de nia Interfoira Komisiono. Ĝi bezonas la respondojn kiel eble plej baldaŭ; se mi ne ricevos ilin ĝis fino de junio, mi ne sukcesos sufiĉe taŭge prepari kaj aranĝi novan konferencon en Wien.

Leipzig, 14. V. 24. *La prezidanto:* D-ro Dietterle.

---

### Naŭa katolika Esperanto-kongreso, Wien.

Jam kelkaj gazetoj de nia gazetaro raportis pri nia „Naŭa". Laŭ decido de „Nia Oka" en Nürnberg okazos „Nia Naŭa" en Wien.

La Loka Organiza Komitato (L. O. K.) por „Nia Naŭa" de I. K. U. E. (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) invitas ĉiujn katolikajn gefratojn, partopreni „Nian Naŭan", okazonta de 6a ĝis 9a de aŭgusto en kadro de la „Deksesa".

Pri la aliĝo ni sciigas jenon:

Ni uzas la kongreskarton de la „Deksesa". Pro tio, ĉiu partoprenonto de „Nia Naŭa" povos ankaŭ partopreni samtempe al ĉiuj aranĝoj de la „Deksesa" kaj utiligi al si la agrablaĵojn de ĝi (malaltigo de fervojprezoj, loĝado, ekskursoj, amuzoj ktp.). Por „Nia Naŭa" kotizo ne estos enspezata.

Ĉiu partoprenonto aliĝu al la „Deksesa" kaj sendu la laŭlandan kotizon. Poste li ricevos kongreskarton, kiu validos por „Nia Naŭa" kiel ankaŭ por la Deksesa. Sed al la L. O. K. li devos sendi „aliĝkonsenton" kaj anonci per tio la partoprenon ĉe „Nia Naŭa". Al postulintoj la L. O. K. alsendos laŭ neceso aliĝilon por la Deksesa kiel ankaŭ aliĝkonsenton.

La partoprenontoj, kiuj nepre intencas nur ĉeesti „Nian Naŭan", aliĝu al la L. O. K. per aliĝkonsento, kaj sendu la por tiuj personoj fiksitan kotizon de 30.000 aŭstraj kronoj, egale el kiu lando. En tiu kazo la L. O. K. devas postuli kotizon kaj ĝi validos nur por la aranĝoj de „Nia Naŭa". La L. O. K. atentigas, ke tiuj personoj, kiuj nur aliĝis al „Nia Naŭa", perdos la rajton partopreni la XVIan kaj samtempe ankaŭ la kongresagrablaĵojn, krome loĝadon, kiun prizorgos L. O. K.

La adreso de L. O. K.: Viktor Kasmader, sekretario de L. O. K., Wien 18/II, Herbeckstr. 92/6.

Plenigitajn aliĝilojn sendu al la sama adreso de L. O. K. Sciigu ĉu vi deziras nur aliĝkonsenton aŭ ankaŭ aliĝilon por la Deksesa.

Ĉiuj demandoj, informoj estu sendataj al la ĉi sube indikita adreso de L. O. K.

Ni esperas, ke ni povos dum la kongreso en Wien — Vieno saluti ĉiun niajn samideanojn, kiuj estis en Nürnberg kaj samtempe ankaŭ multajn aliajn.

Bonvenon en Wien!

*Por la L. O. K.:* J. V. Kasmader.

---

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Junia raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Kiel ni traduku el nacia lingvo esperanten? Ni ne traduku laŭvorte, sed laŭsence! Bona tradukanto tre kompreneble tradukas ne vortojn, sed la enhavon de ia verko. Ekzistas tamen *legantoj* tion ne tute komprenantaj. Ili ne konsciiĝas al si, ke je laŭsenca tradukado estas neeviteble, aliformi la frazojn de la originalo. Ke ĉi tiu necesa transkonstruo de frazo neniel domaĝas la enhavon, ke foje ĝi eĉ helpas al tre klara kompreno, tion kelkaj el niaj legantoj ŝajnas ne scii. Ni spertis la jenon: Aperis nova libro, senriproĉa traduko. Samideano, petita skribi recenzon pri ĝi, eksidas antaŭ sia skribtablo, malfermas la esperantan libron kaj samtempe la originalon, laŭ kiu la traduko estas farita. Ĉi tiu recenzonto, antaŭ ol lerni kaj ŝati Esperanton, sin okupis pri malnovaj lingvoj, precipe pri latina. Nun li komencas legi la esperantan tradukon, komparante vorton post vorto kun la originalo, kaj fine li konstatas, ke la traduko estas — nebona, erara.

Tio ne estas la ĝusta maniero de legado kaj kritiko.

Vera tradukanto tradukas kvazaŭ verkanto, estante instigata de profundinterna impulso. Li ja havas antaŭ si la originalon, sed li konas ĝian enhavon tiom bone, li kvazaŭ ĝin ensorbis per sia interno, ke el propra animo li ĝin redonas, reproduktas.

Vera leganto lasas efiki sur sin tian tradukon tute senpere. Li, volante havi ĝustan impreson, legas kaj ĝuas, eĉ ne pensante pri tio, ke la verko estas reproduktaĵo. Nur tiamaniere li kapablas skribi ĝustan kaj justan kritikon. Se pro lingvo-scienca intereso li deziras kompari tradukon kun originalo, li tion faru poste, sed ne dum unua legado. —

La Loka Kongresa Komitato en Vieno al nia demando nin sciigis, ke ni povos havi dum la kongreso fakokunsidon de E.L.A. En la listo de la f. k. ni trovos detalon pri tio. Ĉiuj membroj, amikoj kaj interesuloj de nia asocio estas kore invitataj, viziti ĉi tiun fakan kunsidon. Ni ripetas, ke proponoj por la tagordo volonte estos akceptataj ĝis la 1ª de julio. —

Sufiĉe ofte ni renkontas en manuskriptoj malĝustan aplikon de la apostrofo, precipe en poeziaĵoj. Estas bedaŭrinde, ke ofte *tre* belaj poemoj laŭ enhavo kaj formo pro neĝusta apostrofado estas aŭ neuzeblaj por presigo aŭ devas esti translaborataj.

Apostrofi ni povas en Esperanto nur kaj ekskluzive la finiĝon *o* de la substantivo kaj la artikolon *la*, sed sole post prepozicio finiĝanta per vokalo, ekz. doloro de l' animo, gratulo je l' naskiĝtago. Neapostrofeblaj sekve estas la akuzativa finiĝo *on* de la substantivo, la adjektiva *a*, la adverba *e*, la pluralaj finiĝoj, la finsilabo *aŭ* ĉe ankaŭ, ankoraŭ k. c.

Ni konsilas al verkistoj-komencantoj antaŭ ol verki aŭ traduki poemojn bone informiĝi pri tiu „mistera" apostrofo. Eble niaj lernolibroj estonte povus enhavi detalan klarigon pri la apostrof-ebleco. —

*Tralegotaj manuskriptoj:* „La neceseco" de V. Korolenko; „La sonĝo de Makaro" de V. Korolenko; „Nokte" de V. Korolenko; „En malbona societo" de V. Korolenko; „La paradokso" de V. Korolenko; „La kapitanfilino" de A. Puŝkin; „Dubrovskij" de A. Puŝkin; „Pro kio" de Leo Tolstoj kaj „Rifik" de Svirskij. Ĉiujn ĉi naŭ verkojn esperantigis nia konata verkistino Maria Ŝidlovskaja. Kiu el niaj kolegoj ŝatos legi unu aŭ alian? — Kontrolata manuskripto: „La burĝo nobelema" de Molière, esperantigita de Richard Levin.

Nia nova membro S-ro H. Rippel tradukis kaj kredeble presigos la ŝercaĵon (ŝvankon) „Kuriert" de Ferking (laŭ Reklameldono) kaj „Hans Dampf in allen Gassen" de Heinrich Zschokke.

Aperonta libro: „Turandot" de Schiller en bona esperanta traduko de Curt Lee.

Danke ni kvitancas jenajn kotizojn: F-ino Ella Eckert (30 ĉ. kr.), S-ino Marg. Wecker (30 ĉ. kr.).

Ne pagintaj membroj estas kore petataj, sendi nun sian kotizon. Pro malekzistiĝo de la Londona Ĉekbanko ni perdis nian tiean monhavon. Pro senvaloriĝo de l' mono ni perdis monsumon deponitan en Dresdena banko. Tial nia kaso estas malplena; la ĝis nun senditaj kotizoj eĉ ne sufiĉas por kovri daŭrajn elspezojn por skribmaterialo kaj poŝtpago.

Aliĝis: S-ro Heinrich Rippel, poŝtinspektoro, Semmelstr. 41, Würzburg (Germ.)

*Johanna Zschepank.*

---

## KRONIKO.

### Azio.

*Barnaul (Altaja Regiono).* — La gubernia fako por popola klerigado proponis, ke estu organizotaj senpagaj kursoj de Esp. en ŝtataj lernejoj. La grupoj aranĝos kursojn por instruistoj. Instruado en kvar lernejoj de la urbo: en III. Komintern, en teknika profesia lernejo, en 5 kaj 12. Lernolibroj por infanoj estas urĝe bezonataj, sed ne haveblaj. F-ino Seriŝeva finis ilustritan lernolibron por infanoj, sed ne trovis eldoniston.

Je la tago de naskiĝo de Zamenhof la lernejo de III. Komintern aranĝis bonegan esperantan vesperon. Raportoj pri „Vivo de Zamenhof" kaj „Laboro de Esp.-grupeto ĉe la lernejo" kaj du teatraĵetoj.

S-ro Petrov faris raporton pri teorio de Einstein, kiun li ripetis ruslingve en rondeto de teknikistoj.

La lerneja komitato decidis rekomendi Esperanton kiel dezirindan instruobjekton.

### Aŭstrio.

*Fohnsdorf (Stirio).* — Kurso por gelernantoj de popollernejo komenciĝis kun permeso de la landlerneja konsilantaro en Graz. 32 infanoj lernas. Kursgvidanto: S-ro Rud. v. Lidl, karbomineja oficisto. Je la vespera kurso por plenaĝuloj partoprenas 10 personoj.

*Graz.* — Malgraŭ la komenca ekinteresiĝo de la urbanoj okaze de gastigo de 300 aŭstraj infanoj en Hispanio la grupa vivo ne kreskis. Elektiĝis nova prezidanto de la grupo: D-ro Halbedl. Nun la vendredaj kunvenoj iomete vigliĝis per esperantaj prelegoj. En la princepiskopa seminario S-ro D-ro Halbedl komencis kurson por 22 lernantoj. 7. 1. kurso de S-ro Wagner en Wielandlernejo kun 15 partoprenantoj.

*Leoben.* — 2 kursoj, proks. 100 personoj, inter ili 20 geinstruistoj.

*Wien.* — Akademia Esp.-Unuiĝo aranĝis en la universitato du paroladvesperojn (25., 27. 3.) Libera Esp.-laborkomunumo aranĝis 2 kursojn por komencantoj, gvidantoj S-roj Ĉech kaj Schicketanz.

Fondiĝis Esp.-dramatika Rondo „Vespero", kiu ankaŭ estas la aranĝanto de la amuzaĵoj dum la XVIª.

Esp.-Junularo aranĝis inaŭguracian festvesperon en la nova hejmo en kafejo Molkereihof III, Radetzky-Str. 23.

En la popolkleriga instituto gvidas S-ro P-ro Otto Simon Esperanto-Kurson por progresintoj.

La „libera Esperantista laborkomunumo" aranĝis 4an kaj 5an Esp.-Kurson por komencantoj kaj paroladojn en la societoj „Danubio", „Junularo" kaj „Progreso". La unua komuna ekskurso okazis la 4an de majo kaj finis per vizito de samideanoj en Klosterneuburg.

La „Aŭstra Pacifista Esp.-Societo" aranĝis en sia klubejo Esp.-Kurson por komencantoj.

La „Grupo de Esperantistaj Bankoficistoj“ en Wien VII, Lerchenfelderstr. 23, kiu kunarangâs la Ian Esp.-Konferencon de bankoficistoj deziras ricevi de gekolegoj el ĉiuj landoj pri la bankoficista movado sciigojn.

Ekskurso al Bratislava estis aranĝita de la „Libera Esp-ista laborkomunumo“, okazis la 11an de majo. Pli ol 50 Vienaj gesamideanoj partoprenis kaj veturis per speciala vagonaro de la „ĉeĥa turista asocio Viena“. Sur la stacidomo ili estis atenditaj de pli ol 30 Bratislavaj gesamideanoj, kaj estis salutitaj de S-roj Spalek, D-ro Kamaryt kaj Keŝik montrigis al ili la vidindaĵojn de ĉi tiu ekfloranta urbo, kaj kune kun la ceteraj Bratislavaj gesamideanoj zorgis pri la Vienaj gegastoj.

## Brita Imperio.

*Bournemouth.* — Tri kursoj por plenaĝuloj, du por infanoj.

*Lordship Lane, London.* — Parolado al membroj de Virina Kooperativa Gildo. Sekvas kurso.

*Tonbridge.* — Pastro W. J. Downes instruas du kursojn por membroj de la Kongregacia Eklezio kaj aliaj interesitoj. 50 personoj vigle lernas.

*Waterfoot, Bacup.* — Nova kurso.

*East Acton.* — Kursoj ĉe Club and Institute.

*Wisbech* kaj *Huddersfield.* — Novaj kursoj, lasta kun 18 pers.

Esperanto en lernejoj: *Brixton* (neoficiale, sed la estrino petis oficialigon), *Morecambe, London* (kursoj en Balham, Bethnal Green, Clapham, Dartford, Deptford, Enfield, Forest Gate, Highbury, Ludgate Circus, Moorgate, Oxford Circus, Richmond, Woolwich), *Altrincham* (enkondukita en la lernejan temaron), *Penketh.*

*Toronto (Kanado).* — La lingva komitato de Brita Asocio por la antaŭenigo de la sciencoj pridiskutos Esperanton dum la ĉijara kongreso de la asocio en Toronto. La Esp.-grupo volas eluzi la okazon kaj pro tio petas alsendon de broŝuroj ktp. por montri la diversecon de nia lingvo. Adreso: S-ro Harry Perkins, del. de UEA, 5 the Lindens, Bain Ave., Toronto (Kanado).

## Bulgario.

La Bulgara Esperantista Societo aranĝis fine de februaro propagandan Verdan Semajnon. Ĝi estis vere sukcesplena.

*Sofia.* — 2. 3. BES organizis kunvenon en la universitato; parolis Sim. Petrov pri „Esperanto kaj demokratio“, St. Minkov „Organizado de UEA kaj ĝia signifo por la propagando de Esperanto“.*) At. D. Atanasov „Per Esperanto por Bulgario.“ Malfermo de 2 kursoj: por urbanoj gvidata de S-ro Atanasov, por lernantoj ĉe IIIa vira gimnazio, gvidata de S-ro Minkov.

*Varna.* — Esperantista grupo „Frateco“ aranĝis 24. 2. propagandan kunvenon, parolado de S-ro V. Sim. Baĉvarov pri „Esperanto kaj esenco de Esperantismo“. 10. 3. kurso por komencantoj.

*Radomir.* — 2. 3. matenfesto kun parolado de S-ro St. Vasilev, lektoro de Esperanto ĉe la gimnazio. Spite la malhelpoj de la direktoro de la gimnazio brila sukceso.

*Breznik.* — 24. 2. parolado de la grupa prezidanto S-ro Hristov pri Esperanto. Li konigis per du lecionoj al la interesatoj la gramatikon de Esperanto.

*Belogradĉik.* — 24. 2. kaj 1. 3. paroladoj pri Esperanto.

*Loveĉ.* — Fondiĝo de grupo kun 64 membroj, kurso malfermita.

*Nevrokop.* — 24. 2. kunveno. Kurso kun 40 personoj.

*Banja* ap. Mehomia. — Kapitano Radev parolis pri Esp., kurso kun 15 personoj, alia malfermota ankaŭ en Mehomia.

*) jam farita 6. 2. en Bulgara Lernista Societo.

*Dupnica.* — Du referaĵoj de S-roj Piŝtijski kaj Ĉomakov. La lernanta societo havas 70 membrojn. Ĝi gajnis per prop. semajno 20 novajn membrojn.

*Trin.* — D-ro Karadimĉev kaj Stoev faris publikan paroladon.

*Straĵica.* — 24. 2. publika kunveno. 10 novaj grupanoj, kurso kun 20 partoprenantoj.

*Gabrovo.* — Malfermitaj du novaj kursoj, ĉe la teknika lernejo kun 54, ĉe reallernejo kun 50 gelernantoj. Ĉe ambaŭ lernejoj fondiĝis Esp.-grupoj de lernantoj.

*Vraca.* — Trileciona senpaga kurso gvidata de la nelacigebla S-ro R. Triĉkov, 150 personoj ĉeestis. 15. 3. nova kurso.

*Lukovit.* — Parolis S-ro Kiril Jotov el Pleven. Fondiĝis grupo de lernantoj kun 30 membroj.

*Berievo.* — Malfermota kurso kun 15 anoj.

*Tirnovo.* — La grupo gajnis 20 novajn membrojn.

*Novi Pazar.* — Estas fondita grupo „Verda Stelo“ kun 16 lernantoj.

*Trjavna.* — Fondiĝis grupo „Verda Stelo“ inter lernantoj de ĉarpentista lernejo. Kurso malfermita.

*Kajali.* — Laboristoj ĉe sukerfabriko fondis grupon.

*Trojan.* — Nova kurso.

*Peŝtera.* — Kurso kun 20 partoprenantoj precipe gimnazianoj.

*Teteven.* — Grupo fondita kun 25 membroj, kurso malfermita.

*Sviŝtov.* — Kurso kun 30 partoprenantoj.

*Karbovo.* — Gelernanta grupo „Ni venkos“ aranĝis tri parolad.

*Vidin.* — Parolado.

*T.-Pazarĝik.* — Du publikaj kunvenoj. Direktoro de knaba gimnazio malpermesis al siaj lernantoj viziti Esp.-kurson, tial vastigas la lernantoj kaŝe lernolibrojn kaj propagandilojn.

*Ruse.* — La XIa kongreso de bulgaraj Esperantistoj okazos 27—29 julio.

*Pleven.* — La poeto Nik. Vas. Rakitin skribis en letero al samideano Iv. H. Krestanoff en Dresden:

*„Via afero, nome, konantigi la fremdan mondon pri la spirita vivo de nia malgranda patrolando, gajnos, mi kredas, simpatiojn kaj amikojn al nia nacia afero. Ilin ni trovos nur donante al ili eblecon konatiĝi kun ni kaj interesigante ilin pri nia sorto kaj pri nia, kiom ajn modesta ĝi estas, nacia kulturo“.*

*„La internacia lingvo Esperanto, kiun, ŝajnas, vi bonege posedas kaj pri kies disvastigo vi estas fervora apostolo ĉe ni, en tiu okazo povas ludi enviindan rolon...“*

*„Kaj mi kredas je la estonteco de Esperanto, je ĝia universala disvastiĝo, kiel mi kredas je la kulturo kies frukto estas tiu ĉi lingvo, kiu estas liberiginta la homon de la besteco kaj, malgraŭ neantaŭviditaj zigzagoj kaj neatenditaj faloj, lin kondukas tra internacia solidareco al libereco, frateco kaj paco.“*

## Ĉeĥoslovakio.

*I. Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista.*

**Novaj kursoj.** — En *Nymburk* S-ro Kluz komencis kurson por 19 komencantoj, en *Brno (Brünn)* D-ro Barvir por 20 membroj de turisma asocio, en *Trebiĉ* prof. Em. Jíceček por 14 personoj, en *Podĉaply* instruisto Raz por 11 komencantoj, aranĝita de loka kultura komisio, en *Hranice* S-ro Bryndaĉ instruis 30 pers., aranĝita de metiista societo.

**Novaj kluboj.** — En *Trebiĉ* (Moravio) fondiĝis Esperanta Rondeto de 36 gimnazianoj. En *Beroun* la klubo post sia reorganizo aliĝis al ĈAE. En *Hranice* (Moravio) fondiĝis klubo 18. 1.

*Olomouc.* — 6. 3. ĝen. kunveno de la Esp.-societo. La nova komitato: prez. A. Kudela, sekr. F. Hochman, kas. J. Šterba. 2. 3. ĉeestis 24 gesamideanoj la radiotelefonan koncerton kaj paroladon de S-ro Pítlik pri Frideriko Smetana, kiu estis bone aŭdebla.

6. 4. regiona kunveno de nordmoravaj Esperantistoj. Delegitojn sendis *Bystrice, Odrlice, Prerov, Prostejov.* Antaŭtagmeze laborkunveno kaj je la 10ª propagandparolado de S-ro P-ro Ŝprinc pri „Radiotelefonio kaj la arta lingvo en internaciaj rilatoj". Lingvisto P-ro Veselsky plene aprobis niajn movadon kaj ideon, sed dubis pri facila interkompreniĝo de diversnacianoj kaj timetis aperon de novaj artaj lingvoj. Al li estis rekomendata ĉeesti Universalan Kongreson kaj informiĝi en publika legejo per esperantaj gazetoj el ĉiuj landoj. Posttagmeze amuza parto, dum kiu kantis la 4jara fileto kaj recitis 11jara filo de S-ro Neuzvil. Poste lumbildparolado de S-ro Kudela pri Konstantinoplo.

*II. Germana Esperanto-Ligo en Ĉeĥoslovakio.*

**Distrikto B.-Leipa.** — 13. 2. okazis gaja renkonto de gesamideanoj en *Zwickau.* Ĉeestis Esperantistoj el Haida, Arnsdorf kaj Langenau.

*Aussig.* — Jara ĉefkunveno 17. 2. Elektiĝis prezidanto S-ro E. Hocke, sekr. S-ro F. Baier, kas. S-ro A. Sander.

*Langenau.* — Rondo „Amikaro". Nova kurso, komencita en novembro, ankoraŭ havas preskaŭ ĉiujn anojn (pli ol 20). Post la kurso kunvenas la malnovaj anoj kaj pasigas la vesperon laŭ firma labor- kaj amuzordo. Oni starigis arĥivon kun biblioteko kaj kroniko. Nova kursano trovis per helpo de italaj samideanoj okupon en Mailand kaj jam skribis kontente de tie.

**Distrikto Reichenberg.**

*Kratzau.* — 20. 2. premia skribado kaj interkonatiĝa amuzvespero post kursfino. 15 kursanoj fondis Esp.-societon de GEL, prez S-ro D-ro K. Alexovsky.

*Reichenberg.* — Ĉefkunveno dum januaro, prez. S-ro instruisto A. Hübner. En la kunsidoj Esp.-paroladoj: S-ro Gahler pri „vojaĝo de Junulаro al Böhmerwald", S-ro Pfohl pri „radiotekniko", F-ino Uhlmann pri „historio de ruino Tollenstein".

24. 3. Radioparolado de S-ro Scholze de la stacio Kbely pri „La graveco de la ĉeĥoslovaka respubliko ĉe la ekonomia rekonstruo de Eŭropo".

**Distrikto Teplitz.**

*Eichwald-Pyhanken.* — 27. 1. ĉefkunveno. Aliĝo al GEL Prez. S-ro H. Vett, honora prez. S-ro Schuster, la fondinto de la grupo. 13. 3. kursoj por komencantoj, gvid. S-ro Guttmann, 17. 2. maskofesto en Wistritz.

*Klostergrab.* — 20. 1. ĉefkunveno kaj fondiĝo de grupo (iama sekcio de Eichwald-Pyhanken) kun 28 membroj. prezid. S-ro A. Hetzel. 1. 3. „dombalo".

**Distrikto Trautenau.**

*Trautenau.* — 12. 2. tria ĝenerala kunveno. Aliĝo al GEL Prezidanto S-ro Dvorak. Oficejo Ringplatz 3.

## Danmarko.

*Kobenhavn.* — Nova „Store Nordiske Konversations Leksikon" eldonota, en kiu estas preskaŭ duonpaĝa artikolo pri Universala Esperanto-Asocio.

## Franclando.

S-ro Justin Godart, membro de UEA, fariĝis ministro de laboro kaj higieno en la nova registaro Herriot. Ni tutkore lin gratulas kaj esperas, ke lia kolego ĉe publika instruado baldaŭ nuligos la faman cirkuleron Bérard.

*Paris.* — 9. 3. eksterordinara kunveno de Internacia Asocio de Esperantistaj Stenografistoj. Baloto de konsilantaro. Prez. Flageul, ĝen. sekr. Marchand, 49 avenue de Verdun, Issy Les Moulineaux (Seine).

*Lyon.* — 10. 4. S-ro Cherblanc faris propagandparoladon ĉe la Asocio de Lernintoj de l' Naciaj Lernejoj de Artoj kaj Metioj antaŭ 40 membroj. Granda intereso pri teknikaj vortaroj.

*Perpignan.* — Fondiĝis komercista „Roussillon'a Esperanto-Oficejo", peradas aĉetantojn kun produktantoj de sudfrancaj produktoj.

**Novaj kursoj** en *Ceret, Estagnel, Perpignan, Juvisy, Puteaux* (40 pers.), *St. Marie.*

## Germanio.

DOKUMENTO.

*Prusa Ministro por Scienco,*
*Arto kaj Popolklerigado* — *Berlin, 10. 3. 1924.*

La enketo farita en la lernejoj sekve de mia dekreto de la 20. 5. 1923 rezultigis, ke granda nombro da geinstruistoj estas kapabla kaj preta, instrui la internacian helplingvon Esperanto. Per tio ekzistas la ebleco peradi al la gelernantoj la scion de tiu lingvo. Estas ja maleble, enigi la instruadon kiel libervolan instrufakon en la instrutemarojn; specialaj rimedoj ankaŭ ne povas esti disponigataj de mi. Mi tamen ordonas, ĉie, kie instruistoj deklaras sin pretaj instrui sen speciala kompenso ekster la programo de la cetera instruado, aŭ kie la necesaj rimedoj povas esti havigataj alimaniere, instigi, ke konvenaj klasĉambroj estu disponigataj kaj la instruado estu ĉiurilate helpe akcelata.

Se en iu lernejo ne ekzistas instruisto, kapabla pri tiu instruado, nenio kontraŭstaras, ke la lernantoj de tiu lernejo provizore partoprenu la koncernan instruadon en alia konvene lokita instruejo.

Tiu dekreto devas baldaŭ esti diskonigata al la geinstruistaro de ĉiuj pli altaj lernejoj de la tiea administra regiono. En tiuj lernejoj, en kiuj la instruado estas ebla, tiu ĉi dekreto ankaŭ devas esti diskonigata al la gepatra konsilantaro. Tiuokaze devas esti ebligate al la instruisto, preta preni sur sin la instruadon, klarigi al la gepatroj la esencon de Esperanto kaj ĝian signifon. En tio devas esti speciale akcentante, ke per lernado de tiu lingvo la studo de vivantaj lingvoj neniel estu repuŝata, sed kontraŭe per tio estu akcelata.

Mi ordonas, raporti al mi ĝis 1. 2. 1925 pri la spertoj faritaj ĝis tiam, precipe pri la partoprenado je tiu instruado.

Subskribo: *Boelitz.*

Al la provincaj instrudirektoroj en Königsberg, Berlin, Stettin, Breslau, Magdeburg, Schleswig, Hannover, Münster, Kassel, Koblenz.

*I. Germana Esperanto-Asocio.*

*Berlin.* — 18. 3. monata kunveno de Esp.-gruparo. 15. 4. Zamenhof-memorvespero.

*Lichtenberg.* — 21. 3. porgepatra vespero en Lebensgemeinschaftsschule. 10—14jaraj Esp.-gelernantoj de S-ro instruisto Neuendorf ludis teatraĵojn, siluetludojn laŭ Esp.-kantoj, kantis kaj deklamis germane kaj esperante.

*Potsdam.* — 13. 3. porgepatra vespero de la Esp.-lernejo, aranĝita por pli ol 80 infanoj kaj ties gepatroj. La rektoro Helmholtz parolis entuziasme pri „Vivo kaj verko de Zamenhof".

*Bochum.* — En marto propagandvespero, parolis S-ro Sandrock, Essen. 2 kursoj kun 38 pers., gvidanto D-ro Wullen kaj S-ro Zamoth. Al UEA aliĝis 45 personoj.

En *Bottrop (Westf.)* ankaŭ propagandvespero, parolis S-ro Landrock. 2 kursoj kun 64 partoprenantoj.

*Burgsteinfurt.* — 22. 3. fondiĝis la grupo: post 2 paroladoj kurso kun 10 personoj.

*Buer (Westf.)* — Dum jaro 1923 okazis 4 kursoj: en Buer kun komence 32, fine 19 partoprenantoj, en Buer-Hassel 63—28, Buer-Scholven 28—12, Buer-Resse 41—16; entute 164 komence, je la fino de la kursoj 75 personoj. La valuta mizero malhelpis la kreskadon de la grupoj.

*Dresden.* — G. E. A., Loka unuiĝo. Dimanĉon la 11 majo la esperantistaro en Dresden kaj ĉirkaŭaĵo unuiĝis en la granda salono de Vereinshaus, Zinzendorfstr., por grandstila Printempfesto. Malgraŭ la belega printempa vetero, kiu logis por ekskursoj, la salonego fariĝis iom post iom plenplena kaj neniu pentis la partoprenon, ĉar la programo alportis multon, do al ĉiu ion. Infanoj el la deviga klaso Wurgwitz apud Dresden prezentis sub la gvidado de sia instruisto S-ro Scheibler en E. scenojn, kantojn kaj dancojn en efektive nature infana, ĉarma maniero. F-ino Ruth Scheibler kantis en Esperanto Schubert, Mozart, Franz kaj Mendelssohn kun plej bona sukceso, akompanata de S-ro A. Brügmann. Kamermuzika unuiĝo (S-ino Petzold, S-roj Dr. Heinrich kaj Engst ludis komponaĵojn de diversaj majstroj kaj S-ro Engst kaj Brügmann krome sin montris kiel solistoj de siaj instrumentoj). La finon de la programo faris duakta gaja teatraĵo de S-ro Otto Wehlitz „Kiel Saŭlo fariĝis Paŭlo“, en germana lingvo, tre lerta verketo kiel tendenca prezentaĵo. La vere bonega ludo de la aktoroj vekis riĉan aplaŭdon. La ĉeestantojn, inter ili S-ino Hankel kaj la prezidanto de G. E. A., S-ro Dr. Steche, salutis S-ro Karsch alvokante al fervora laboro por nia kara afero, kies progresigo estas la ĉefa celo de niaj festoj.

Postfesta ekskurso okazos dimanĉon, la 25an de majo al Weixdorf apud Dresden, forveturo 2,33 posttagmeze de ĉefstacidomo, dimanĉa bileto ĝis Weixdorf, elvagoniĝi en Klotzsche, postvenontoj veturos 2,55 ĝis Lausa.

En la monata kunveno, 26. 3., de loka unuiĝo parolis S-ro Ivan H. Krestanoff pri „popolkredo kaj kutimoj en Bulgario“.

*Euskirchen.* — Fondiĝis grupo „Obstine Antaŭen“ post finiĝo de kurso, prez. supera telegrafsekretario E. Kind, del. de UEA. Dua kurso komenciĝis 1. 2. 21. 2. parolis S-ro R. Kreutz, Horrem, por propagandaj celoj.

*Freital.* — 5. 3. okazis granda infanfesto esperanta. Partoprenis 600 infanoj de 5 diversaj lernejoj. Per la prezentadoj la infanoj bonege montris, kiom bone ili lernis. Freŝe eksonis la kantoj kaj ankaŭ partoj el „Majstrokantistoj“. Senĝena kunestado finis la feston.

*Helmstedt.* — 15. 3. finiĝis kurso kun 6 pers., samtempe nova kun 22 junuloj.

*Hochemmerich.* — Post finiĝo de kurso nova grupo estas fondita. Por UEA varbis S-ro Sandrock, aliĝis 10 pers.

*Homberg.* — Finiĝis kurso kun 14 anoj. Parolado pri UEA de S-ro Sandrock, membriĝis 10 pers.

*Michelstadt* (Odenwald). — F-ino H. Pauli parolis en Odenwald'a unuiĝo por arto kaj scienco pri Esperanto, same ankaŭ inter distrikta instruistaro. Kursoj por 10 geinstruistoj.

*München.* — 22. 3. mortis S-ro Julius Krumbach en aĝo de 57 jaroj. Li estis unu el la unuaj pioniroj. 1909—11 li estis del. de UEA. La jaroj de la ekonomia krizo estis tro mizerigaj por li.

*Niederoderwitz.* — 15. 3. kurso por 19 knaboj kaj 17 knabinoj.

*Oberseifersdorf.* — Nova kurso.

*Radebeul.* — 30. 1. kurso por perfektigo.

**Novaj libroj.**

*Hirt & Sohn, Leipzig,* eldonos ampleksan kolekton en Esp.: „Elektitaj prozaĵoj de la bulgara nacia poeto Ivan Vazov“.

*Ellersiek & Borel, Berlin,* aperigos „Elektitaj prozversaĵoj kaj rakontoj de la konata bulgara beletristo Elin-Pelin“.

*Teo Jung, Köln-Horrem,* presas „Elektitaj felietonoj kaj noveloj de la senmorta bulgara verkisto Aleko Konstantinov“. Ĉiuj tri verkoj estas tradukitaj de Ivan H. Krestanoff.

## Hispanio.

*Jerez.* — 15. 12. festo de la 5-jara ekzistado. 24. 2. parolis la sekr. de la grupo, S-ro Rivera, pri „Nuntempa stato de hispana junularo“, ĉeestis 120 pers. S-ro Rey, jus alveninta kiel policestro, aranĝas kurson en Ruĝa Kruco.

## Hungario.

*Budapest.* — 9. 3. ĝeneralkunveno de HES, elektiĝis kiel prez. episkopo D-ro Antonio Nemes. 29. 2. UEA-jarfesto en Socia Muzeo. S-ro Nagy-Molnar klarigis la multflankajn servojn, meritojn kaj funkciojn de UEA. Poste raportis S-ro ĉefdelegito Balkanyi. Li deklaris, ke neniu povas esti rigardata kiel Esperantisto, se ne okazis la minimuma devo: aliĝo al UEA.

Nun fondiĝis la Merkurio Ekonomia Grupo de la Hungarlanda Esperanto-Societo en Budapest IV, Kecskeméti u. 8 III, kiu deziras interrilaton kun ĉiuj similaj grupoj de eksterlando kaj povas sukcese interrilatigi eksterlandajn firmaojn kun Budapestaj sambranĉaj entreprenoj per Esperanto. Oni sendu cirkulerojn.

Prof. Pazmany faris 25. 1. kaj 8. 2. esperantajn prelegojn pri la „Jidiŝa hebrea moderna literaturo de Litovio kaj Polio“. La prelegadoj estis tiel abundaj, detalaj, objektivaj kaj interesaj, ke ili meritus aldonon en aparta libreto. Prof. Pazmany jam antaŭ la milito verkis libreton pri Esperanto kaj postulis de la ministro por instruado ĝian enkondukon en la mezlernejojn.

*Miskolcz.* — 7. 3. kurso de P-ro König finiĝis. 12 profesoroj finis la kurson kaj nun kunvenas por ekzercado. 3. 3. nova kurso por 12 pers. 22. 3. kurso por 8 oficiroj ĉe militribunalo.

*Pecs.* — 10. 3. kurso por 14 partoprenantoj.

*Dunaharaszti.* — Gvidas kurson S-ro Gtellner por 5 pers.

## Italio.

La IXa Itala Kongreso de Esperanto okazos kiel Antaŭkongreso al la XVIa en Torino.

*Bari.* — La del. de UEA, P-ro Localendola sukcesis, enkonduki Esperanton kiel nedevigan fakon en jenajn lernejojn: Reĝa Komerca Instituto, Reĝa Mara Instituto, Reĝa Teknika Instituto, Nacia Kolegio, Ĉefepiskopa Seminario, Kolegio Nasuti; plie du kursoj en Akademio Esperantista de Apulio, unu por fraŭlinoj, alian por lernantoj de la Komerca Universitato. La Bari'aj samideanoj eldonas specialan nacilingvan propagandgazeton poresperantan.

*Brescia.* — Del. de UEA, S-ro Gaetano Facchi gvidas kurson en la kultura asocio „Circolo Filologico“. 21. 3. S-ro advokato kavaliro A. Vaona, prez. de IEF, faris paroladon pri esperanta movado.

*Firenze.* — Kursoj ĉe ĉiuj Regionaj Esp.-Institutoj de Itala Katedro de Esperanto en la ĉefaj urboj. Notindaj kursoj ĉe la Komercaj Lernejoj kaj la Maristaj Ŝtataj Institutoj. Kunvenoj kaj paroladoj.

*Mantovo* — 29. 3. parolis D-ro U. Toschi, ĝen. sekr. de IEF, pri „Travivaĵoj de Esperantisto en la mondo". Dank' al la sindona agado de samideano Ces. Sala nia movado pliiĝas inter lokaj poŝtoficistoj. — S-ino Morfini komencis kurson. 15 grupanoj intencas viziti la XVIan.

*Palermo* (Sicilio). — Sekve de klopodoj de del. de UEA, S-ro La Colla, la grupo reorganiziĝis. Prez. S-ro La Colla, nacia sekr. inĝ. Caico, internacia sekr. S-ro Palagonia. La prez. gvidas du kursojn, baldaŭ kurso en Meza Komerca Instituto. Oficejo de la grupo: Via Goethe 40, Palermo (13).

*Torino.* — En la centra stacidomo kurso por fervojistoj, gvidata de S-ro inĝ. De Balzac.

*Udine.* — La 18an de majo, ĉe Ricreatorio Festivo Udineso, afable disponita, P-ro Francisko Pizzi el Venezia (docento de Itala Katedro de Esperanto) parolis antaŭ kelkcento da aŭskultantoj pri: Esperanto kaj la katolika movado.

La dua kurso okazinta en Udine dum la pasintaj monatoj (januaro, februaro kaj marto) kontentige finiĝis kaj sekve de tio oni restarigis la duon-mortintan, ĉefe pro manko de konvena sidejo, Udine'an Grupon. La duan de kuranta monato la grupo okazigis la unuan jarkunvenon kies finproponojn, longe kaj elfunde diskutitaj de la kunvenintaro, tiele oni povas resumi: La grupa estraro estas tute libera plenumi kaj efektivigi ĉion kion, laŭ ĝi, ŝajnos plej konvena kaj taŭga por, kiel eble plej multe, sukcesigi nian movadon en Udine.

Elektitoj rezultis: Prezidanto: Agostino Cormous; vic.-prez.: Dante Valzacchi; sekretario-kasisto: Johano Della Savia; la grupa sidejo estas ĉe „Kafejo Koma", en la centra urba parto.

## Latvio.

*Jelgava.* — Fondiĝis nova grupo. Oficejo; ĉe del. de UEA, S-ro K. Strazde, Zala iela N. 13, Jelgava.

Samideanoj R. Eichenbaums kaj Strazde fondis „Esperanto-Servo"n, celante disvastigon de Esp. en Latvio per privata perpoŝta instruado. Adreso tiu de la del.

*Riga.* — 27. 2. parolis S-ro A. Friedenbergs pri „Psiĥologio de politikistoj", 5. 3. S-ro T. Indra pri „UEA kaj ĝia rolo en esperanta movado".

## Nederlando.

„Holanda Esperantisto", aperanta en nova formo, publikas liston, laŭ kiu ekzistas (15. 3.) 44 grupoj en 34 lokoj. Novaj kurso, en *Almelo* kaj *Helder,* en *Amsterdam* [laboristoj], *Wormerveer.*

## Pollando.

*Boryslaw.* — Petrolmineja distrikto. — La grupo aranĝis la 30 marto korespondvesperon, en kiu partoprenis 49 diverslandanoj. Dum vespero samideanoj decidis per ĉiuj partoprenantoj memorigi vesperon interŝanĝinte kun ili plej artajn bildojn (presita reprodukcio) de ilialanda pentraĵo, por ornami per ĝi propagande salonon de laborista „Popoldomo".

Krom tio oni decidis aranĝi duan korespondvesperon, la 15. VI. k. j., laŭ temo „Internacia Humoro kaj Satiro".

La 30 aprilo okazis en Popoldomo solena senvualigo de grupa standardo, kun ĉeesto de reprezentantoj de loka komitato de P. P. S. [Pola Partio Socialista] kaj de aliaj laboristaj kooperativoj, ligoj kaj gastoj.

La 14 majo grupo partoprenis dum tuta laborista festo kun verda standardo, kantante dum marŝo tra urbo „Internacionalon" esperante. Dum parolado k-do Drechowski klarigis ideon de esperantismo kaj profiton por laboristaro de internacia lingvo. Poste ĉiuj manifestantoj ĝoje akceptis sekvantan saluton:

„Socialistoj manifestantaj en festo 1 majo en Polujo siajn postulojn kaj batalojn pri halto de fratmortigaj militoj, sendas per Esperanto koregan saluton por Internationalo kaj por proletarioj de ĉiuj landoj".

Dum festo oni vendis multe da libroj pri Esperanto. Feston oni finigis per esperantkanto. *B. Cz.*

*Bydgoszcz.* — La unua kaj sola blindulinstituto enkondukis la instruon de Esperanto. Post longa klopodado sukcesis al tio S-ro Glowczynski. Jam antaŭ kelkaj jaroj, kiam la instituto estis germana posedaĵo, S-ro Pankratz instruis Esperanton. Nun partoprenas 30 personoj.

*Kolomea.* — Prof. Kuzjma, del. de UEA, gvidas kurson por 20 gimnazianinoj, anoj de Ukraina Skolto, en kies gazeto „Ukraina Skolto", aperas ĉiumonate, tripaĝa aldono, titolita „Ukraina Esperantisto". Dum revizio polica ĉe P-ro Kuzjma oni forprenis n-rojn de „E. T.", „Esperanto".

*Lublin.* — „Lublina Rondo Esperantista" kunvenas ĉiudimanĉe. 2 kursoj: elementa de S-ro Zawada, meza de S-ro Pruski, del. de UEA.

## Rumanio.

**Esperanto devige instruata ĉe la Rumana Polico.**
La unua profesoro ŝtate salajrata.

Antaŭ kelkaj semajnoj ni raportis pri la sukceso de la eksperimenta kurso farita ĉe la Bukuresta Policoficira Lernejo, laŭ la ordono de S-ro Romulus Voinescu, ĝenerala direktoro de la Rumana Polico kaj Ŝtata Sekureco.

Hodiaŭ ni plezure komunikas, ke la Rumana Ministrejo por la Internaj Aferoj eldonis la dekreton, kiu enkondukas Esperanton kiel devigan objekton ĉe tiu lernejo kaj nomas S-ron Tiberio Morariu, sekretario de Esp.-Centro Rumana, kiel ŝtate salajratan profesoron por tiu instruado.

Tiuj ĉi faktoj havas eksterordinaran gravecon ne nur teorian, sed ankaŭ praktikan, ĉar en Rumanio povas fariĝi polica oficiro nur tiu, kiu absolvis la kursojn de tiu lernejo.

Tiel grava oficiala alpreno kaj enkonduko de nia lingvo estas ĝis nun unika kaj ankaŭ la apliko de speciala profesoro ŝtate pagata per la ordinara profesora salajro, estas unua fakto tia en la historio de nia movado.

Jen la teksto de la dekreto:

Traduko el la rumana kopio.

*Reĝlando Rumanio*
*Ministrejo de l' Internaj Aferoj*
N-ro 19258
de la 25a de marto 1924.

—

*DECIDO.*

Ni, ŝtata subsekretario ĉe la Interna departemento,

Pri la referato de la sinjoro Ĝenerala Direktoro de la Polico kaj Ŝtata Sekureco, Direktoro de la Polica Lernejo, . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*decidas:*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Art. 4. — Estas aprobita la enkonduko de l' higiena kaj polico-saneca kurso kaj tiu de la kurso de lingvo Esperanto, kaj ni nomas de la tago de 1a de aprilo S-ron D-ron I. Bomchis kiel P-ron de higieno kaj S-ron Tiberio Morariu kiel P-ron de la lingvo Esperanto, fiksante por ili honorarion de 1500.— leoj, monate, pagotan konforme al la art. 57 de la ministreja budĝeto.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*La Ŝtata Subsekretario:*
SS. Franasovici.

*Alba Julia* (Transsilvanio). — Novan kurson gvidas S-ro Pospisil, del. de UEA, laŭ metodo de Kursa Lernolibro de D-ro Privat.

*Arad.* — 26. 2. nova kurso, gvidita de S-ro St. Ferenczy, delegito de UEA.

— Ĉe la „Liberaj Kursoj Vesperaj" en la ŝtata mezlernejo „Josif Vulcan" S-ro direktoro Babescu enprogramigis ankaŭ Esperanton. Horoj ĉiun mardon kaj vendredon, partoprenas 40 personoj. La kurso gvidas la fervora del. de UEA: S-ro Stefano Ferenczy.

Post la vizito de Timisoara, la sekretario de Esp.-Centro Rumana vizitis Aradon, la urbon de la IVa Rum. Esp.-Kongreso. S-roj kolonelo Samboteanu, inspektoro de la skoltoj kaj Babescu, direktoro de la mezlernejo „Josif Vulcan", akceptis la gvidadon de la Aranĝa Komitato. La Arad'aj samideanoj vigle preparas la nunjaran kongreson okazontan la 2an — 4an de aŭgusto.

*Bocsa-Montana* (Banato). — S-ro Stefano Simon, del. de UEA, gvidas kurson por 16 partoprenantoj.

*Bucuresti.* — S-ro Henriko Fischer, L. K., direktanto de Esp.-Centro Rumana, transdonis al S-ro generalo Gavanescul, hon. prez. de Rumana Esp.-Societo, gratulan leteron de S-ro generalo Sebert el Parizo. La honoriga skribaĵo de nia alteŝatata generalo-samideano tre agrable surprizis S-ron generalon Gavanescul.

— Nova kurso por studentoj de juro, gvid. de S-ro Dem. Dinca.

*Cernauti* (ĉefurbo de Bukovino). — En la urba Berlitz-lernejo malfermiĝis pluraj novaj kursoj por komencantoj kaj progresintoj, gvidataj de S-ro majoro A. Hasenöhrl. La ĉiutagaj gazetoj: Czernowitzer Allgemeine Zeitung, Czernowitzer Deutsche Tagespost kaj Czernowitzer Morgenblatt malfermis konstantan Esp.-angulon.

*Cluj* (Transsilvanio). — Novan dumonatan kurson en Unitaria Kolegio, 20 pers., gvidas S-ro Reday-Stefan.

*Orsova* (Banato). — Kinoteatro „Olimpia" prezentas Esp.-afiŝon por propaganda celo. S-ro St. Koch, oficisto ĉe Hungara River- kaj Marnavigacia Societo gvidas kurson por 8 komerc-lernejanoj.

*Ploesti.* — S-ro S. Stein, redaktoro, malfermis kurson la 1an de aprilo.

*Targu-Mures* (Transsilvanio). — S-ro instruisto Rado gvidas kurson en la lernejo de metiistaj novicoj.

*Timisoara* (Banato). — La 30an de marto okazis ĝenerala kunveno de la tieaj esperantistoj. Oni abonis gazetojn kaj priparolis aranĝon de kurso post pasko.

*Radauti* (Bukovino). — S-ro Edmund Jarosewicz la 20an de marto malfermis kurson por 40 lernantoj. Tiu kurso estas kunligita kun la oficiala kurso de librotenado.

## Saarteritorio.

La Esperanto - Ligo Saarteritorio aranĝis la 4. 5. 1924 en gastejo Horch, Saarbrücken, sian jaran ĉefkunvenon. La prez., S-ro Krämer, salutparolis, speciale bonvenigante la gastojn alvojaĝintajn. Sekvis raporto de la sekretario J. Schenkel pri la agado depost la fondiĝo de la ligo ĝis nun. La unua celado estis, interne fortigi la ligon kaj estigi kontakton inter la membroj. Tiucele estis aranĝataj amuzvespero, ekskursoj kaj pseŭdonima korespondado. La ligo staras nun forte kaj la ekstera laboro povas komenciĝi. La unua stabo estas 4 grupoj kun 100 membroj. La sekvinta kasraporto estis kontentiga. Laŭvice raportis nun pri grupa agado S-roj Krämer por Saarbrücken, Donien por Friedrichsthal, Gerlach por Neunkirchen kaj S-ino Bonaventura por Ottweiler. Ŝi finis per ĉarma versaĵo. S-ro Omlor parolis pri la stato en St. Ingbert, kie baldaŭ fondiĝos grupo. Sekvis elekto de la liga estraro, kiu rezultigis reelekton de la ĝisnuna. Per sekvanta parolado S-ro Omlor klarigis la esencon de la Esperanto-movado kaj citis la sferojn, kie Esperanto estas aplikebla. S-ro Meistermann tuŝis lingvajn kaj varbaferojn. Fine S-ro Omlor faris paroleton pri UEA, dirante, ke tiu institucio estas nepre subteninda de ĉiu esperantisto. Nova kurso komenciĝos en Saarbrücken. *J. Sch.*

## Sudslávio.

*Podgora.* - S-ro Sumiĉ malfermis novan kurson kun 21 knaboj.

*Grohote* (sur insulo Ŝolta). — S-ro instruisto malfermis kurson kun 25 lernantoj.

*Sinj.* — Kurso kun 16 personoj de instruisto S-ro Dominis. Oni baldaŭ dissendos specialan cirkuleron al la instruistoj por lerni Esperanton.

*Imotski.* — 1. 4. nova kurso, gvidanto S-ro instruisto Markota, 25 pers., kiuj ĉiuj pagas po 10 dinaroj por la kaso de la Ia Sudslava Esperanto-Kongreso en Split.

*Trogir.* — Post parolado de S-ro Rupĉiĉ el Split la movado progresas.

## Svedlando.

*Gefle.* — En la teknika vespera lernejo komenciĝis kurso kun 20 personoj, gvidanto S-ro J. Helsing.

## Svislando.

*Genève.* — La sukceso de la du standoj pri Esperanto ĉe la Radio-telefona Ekspozicio estis tre granda. Multaj vizitantoj petis informojn, aĉetis libretojn, mendis vortarojn, enskribiĝis por kursoj. D-ro Privat kaj P-ro Bovet faris radio-paroladojn.

*Zürich.* — Okazis sukcesa parolado de P-ro Müller kaj D-ro Dietterle.

## Urugvajo.

*Montevideo.* — Fondiĝis nova „Urugvaja Esper.-Societo", prez. S-ro E. Legrand. Adreso: Ateneo, Plaza Cagancha.

## Usono.

*New York.* — Esperanto-klubo por virinoj estas fondita 19. 2. La klubo estas organizita por reciproka profito kaj plezuro per Esperanto. La klubo invitas je korespondado. Adreso: Women's Esperanto-Club, Box 223, City Hall Station, New York City, N. Y., U. S. A. *A. Naumann.*

# Esperanto ĉe florfesto.

En *Locarno,* suda Svislando, kie oni parolas italan lingvon, kie la klimato estas ĉiam milda kaj la floroj kreskadas la tutan jaron plenaere, okazis la 6an de aprilo granda florfesto.

Ĉiu floro kaj ĉiu Mediteranea kreskaĵo estis reprezentita: oranĝoj, citronoj, olivoj, palmoj, mimozoj, kamelioj ktp., ĉar Locarno, malgraŭ sia apudeco al la glacioj, konas nek venton nek froston estante bone ŝirmata de la apudaj montoj. En tiu urbo, kie la printempo estas senfina, facila tasko estis la organizado de ampleksa florfesto.

Efektive ĝi sukcesis kiel vera apotezo de floroj. La stratoj prezentis mirindan eksteraĵon: Fenestroj kaj balkonoj estis ornamitaj je ĉarmaj desegnaĵoj kaj bukedoj. Florumitan procesion da veturiloj kaj aŭtomobiloj, riĉe kaj abunde ornamitaj je suda kaj montara floraro kreskanta apud la lagbordo aŭ sur la apudaj montoj, sukcesis kiel vera triumfo de floroj.

Inter la dudek ĉaroj de la florumita procesio oni aklamis per senfinaj aplaŭdoj la veturilon „Esperanto“, prezentita de la Locarnaj Esperantistoj. Estis unu el la plej grandaj kaj riĉaj je floroj: sur granda piedestalo fine ornamita el erikujo, mimozo, kamelioj kaj aliaj floroj, kaj kun bildoj reprezentantaj la diversajn rasojn de ĉiu kontinento, ekleviĝis granda terglobo, kies kontinentoj estis tute kovritaj el mimozo, la maro el bluaj floroj (bluettes), la polusaj regionoj el blankaj kamelioj. El kvar fenestroj en formo de steloj eltranĉitaj de la terglobo ekmontriĝis kvar fraŭlinoj (japanino, afrikanino, aŭstralino, ruĝhaŭtino), kaj ekstere, kiel kariatinoj portantaj la terglobon, sidis kvar fraŭlinoj blankevestitaj kun multaj verdaj steloj dissemitaj sur la robo. Inter la kostumvestitaj fraŭlinoj de la interno kaj la blankevestitaj fraŭlinoj okazis interesplena interŝanĝo de floroj, kaj florbatalado okazis inter ĉiuj fraŭlinoj kaj la rigardanta publiko.

Multaj estis la aliaj veturiloj aŭ aŭtomobiloj riĉe kaj genie florumitaj. Oni admiris artajn verkojn je la ornama kaj florista vidpunkto: granddimensie ligna ŝuo, kiel oni uzas en la apudaj vilaĝoj, estis farita nur el kamelioj kaj mimozoj. Sur tiu ligna ŝuo, kiun tiris sur ĉaro du bovoj, veturis aro da knabetoj. Alia ĉaro veturis grandan hirundon, ellaboritan nur el violoj; aŭtomobilo veturis diverskoloran ventomuelejon, ornamitan el diantoj, kamelioj, mimozoj kaj floroj ĉiuspecaj; alia ĉaro tirita per du bovoj reprezentis vinberlaŭbon kun ornamo el eriko, kamelioj, mimozoj, glicinoj, blanka spireo ktp., sur ĝi veturis junularo en vilaĝkostumoj; la kvieta vivo de l' montoj estis reprezentita de ĉarma kapeleto kun herbejo, ornamita je floroj kaj verdumo de la apudaj montoj. El floroj oni faris ankaŭ veturilon da papilioj; interesplena estis veturilo kun ludbalancilo kies ornamo estis miloj da diantoj kaj aliaj floroj.

Kompletis tiun festenon artaj, historiaj kaj kutimaj popoldancoj. Ĝi estis la vera festo de la tuta urbo, kies organizadon partoprenis aŭtoritatoj, urbanoj, fremduloj loĝantaj en hoteloj. Multaj vizitantoj alveturis Locarnon el malproksime por ĉeesti tiun okazintaĵon kiu postlasis al ĉiuj neforgeseblan rememoron de spirita kaj arta ĝuado.

Oni fiksis tiun manifestacion en kinematografa filmo, kies bildoj ĉiu povas ankoraŭ admiri mendante la filmon ĉe la Komitato-Festo de Kamelioj kaj Mimozoj de Locarno.

Al tiu filmo oni aldonis bildojn de la belegaj ĉirkaŭaĵoj de Locarno: Romantikajn angulojn, Ĝardenojn, Grotojn, Pontojn, Preĝejojn, Akvofalojn, ktp. filmitajn dum promenado de esperantistoj en la Valo Maĝĝja. Por ebligi la legadon de l' teksto por ĉiuj popoloj, la filmo aperos kun esperanta teksto flanke de la naciaj lingvoj. *cg.*

---

# Esperanto ĉe vojaĝagentejoj.

La granda kaj en Eŭropo famekonata trafikentrepreno „Mitteleuropäisches Reisebüro (Mezeŭropa trafikoficejo), Berlin W. 9, Potsdamer Bahnhof, estas preta, enkonduki Esperanton, se esperantistoj aĉetos pro iliaj vojaĝoj — ĉu per fervojo ĉu per ŝipo — la vojaĝbiletojn ktp. de ĝi. La entrepreno kunmetas oficialajn vojaĝkajeretojn valorantajn 60 tagojn por ĉiu ajn vojaĝo en Eŭropo laŭ plaĉo. Ĝi donas senkoste ĉiun informon pri oportunaj komunikiloj, hoteloj, veturprezoj ktp. Korespondado en Esperanto, ĉar deĵoras tie samideano.

Uzu multnombre la okazon pro la venonta kongreso. Aldonu ĉiam respondkuponon. *Blo.*

En *Genève* la agentejo Veron & Grauer apud la stacidomo aliĝis al UEA.

# Alvokoj.

## Kongreskaravano Berlin—Wien.

1-a sciigo.

Kiel en la antaŭa jaro al la XV^a^, same en la nuna jaro estas aranĝota kongreskaravano de Berlin al Wien. La taskon prenas sur sin la delegitaro de „Teritorio de UEA, Berlin“. La karavano ekveturos el Berlin la 5an de aŭgusto per rapidtrajno trans Dresden—Prag. La tuta vojaĝo daŭros ĉ. 15 horojn.

Estas intencite, elvagoniĝi en Prag kaj resti tie ĝis la proksima mateno. La alveno en Prag okazos la 5 aŭgusto je la 4a posttagmezo, la forveturo el Prag la 6 aŭgusto je la 7a matene. Alveno en Wien la saman tagon je la 3a posttagmeze.

Interrompo de la vojaĝo en Dresden ne estas ebla por la karavano, ĉar de tie ni ne plu havus rezervitajn kupeojn. La germana fervojo-direkcio rezervos al ni la kupeojn resp. sidlokojn nur unufojon, t. e. de el Berlin.

La kotizo por aliĝontoj estas po 1 germ. ormk. (0.25 U. S. A-dolaro aŭ egalvaloro) kun kosto de rezervota sidloko.

Kiu volas aliĝi, anoncu sin tuj al la subskribinto kaj sendu samtempe la kotizon. Anonco sen kotizo estas senvalora. Tiu, kiu volas veturi kun la karavano nur ĝis Dresden, povas ankaŭ aliĝi, sed estas petata, mencii tion speciale. La kotizo restas la sama.

Pluaj sciigoj sekvos.

Skribu nepre legeble viajn nomon kaj adreson.

*Max Blankenheim,* ĉefdelegito de UEA,
Berlin-Steglitz, Stubenrauchplatz 5 (Germanio)

* * *

Laŭ intenco de nia mortinta prezidanto D-ro Giesswein ni invitas la vizitantojn de la XVIa partopreni post la Viena kongreso

**komunan postkongresan ekskurson al Budapest,**

ĉe kia okazo al antaŭanoncantoj ni klopodos havigi loĝejojn (komunan aŭ privatan laŭ peto), rabatojn kaj gvidantojn. Partoprenontoj do akiru ankaŭ la hungaran vizon kaj ebligu la antaŭzorgojn per anonco de sia veno kaj sendo de 5 svisaj frankoj kiel partoprenkotizaĵo al la Hungarlanda Esperanto-Societo. Ni esperas, ke multaj gesamideanoj venos por vidi la plej belan urbon de mezeŭropo, apud la Danubo.

*Prepara komitato de la postkongresa ekskurso.*

Adr.: Ĉefsekr. D-ro Jozefo Takács, Budapest, IV. Váczi u. 8. I. 12.

* * *

## Al ĉiuj okultistoj de la Nürnberg-a Kongreso!

En nia kongresa kunveno ni promesis sendi al tiuj ĉi partoprenintoj, kiuj aliĝis al nia movado, sciigojn pri la okultista movado kaj priskribojn de eksperimentoj.

Tiun ĉi promeson mi pro malsano inter la estrar-membroj kaj pro la terura subita senvaloriĝo de la germana mono bedaŭrinde ne povis plenumi.

La kotizoj, kiujn mi en Nürnberg ricevis, restis netuŝitaj kaj momente reprezentas valoron de 3 germ. ormarkoj. Tiu ĉi sumo eĉ ne sufiĉas por afranko, des pli malmulte por papero kaj kovriloj.

Tial ni estus tre dankaj al ĉiuj okultistoj, se ili per alsendo de pliaj kotizoj al nia kasisto S-ro Heinrich Goldmann, Char-

lottenburg, Pestalozzistr. 4, donus al ni la eblecon por multobligo kaj forsendo de la jam preta teksto.

S-ro L. Gube, Berlin-Friedenau, Fregestr. 26, jam verkis parton de siaj okultistaj travivaĵoj kaj tiu estas preta por multobligo, sed, kiel jam dirite, mankas al ni por tiu ĉi celo la mono

Kiam ni ricevos monajn subtenojn, tiam ni zorgos pri daŭra kuneco de ĉiuj interesuloj kaj donos pliajn komunikojn.

*Internacia Okultista Unuiĝo.*

Hildegard Nickel, Potsdam, Blücherplatz 2.

* * *

## Sciigo al infanoj lernantaj Esperanton.

Ĉu vi deziras interkorespondi kun geknaboj de Germanlando? Se vi volas komenci kaj serioze daŭrigi, sendu tuj vian adreson kaj apartajn dezirojn al ni. Instruistoj volu sciigi, ĉu vi deziras korespondadon inter klasoj. Ni zorgos senkoste pri tutcerta kaj konstanta respondado. Se vi ne estos kontentaj, plendu ĉe ni.

Volonte ni laboras por vi, karaj infanoj, do donu al ni laboron!

*Tutmonda Lerneja Servo.*

Sidejo: Falkenstein i. Vgtl. (Germanio), Feldstr. 18.

R. Pfütze.

* * *

## Esperantistaj Filatelistoj!

Dum la Viena XVI^a Esperantista Kongreso ankaŭ okazos kunveno por la tutmonda filatelistaro esperantista kaj la arangantoj jam nun ĉiun filateliston invitas al tiu kunveno. Ni okazigos ankaŭ ekskursojn al filatelistaj rondoj kaj interŝanĝvesperojn. Ĉiu interesemulo estas petata sin turni al la ĉefaranĝanto, sinjoro Josef Kolnhofer, Wien XIII, Zehetnergasse 37.

* * *

## Ĉiu estos rekompencita.

Por helpi min aranĝi esp. ekspozicion, do por plifaciligi la malfacilan agadon por Esperanto en tiu ĉi unulingva landego, mi petas la samideanojn el tuta mondo, sendi al mi po unu ilustritan poŝtkarton prefere montrante nacian kostumon. Poŝtmarko bildflanke. Se eble konsistigante la necesan valoron el pli malsamvaloraj poŝtmarkoj. Kiu ne ŝatas multe skribi, sufiĉas saluto kaj preciza adreso. Mi tuj respondos al ĉiu. Adreso: S-ro Rudolf Goldner, del. de UEA, 1510—98 ave. W., New Duluth (Minn.), U. S. A.

* * *

## Al la tabak-kontraŭuloj ĉiulandaj!

La loka grupo de la „Ligo de germanaj tabak-kontraŭuloj“ en Wien, inter kies anoj ankaŭ estas esperantistoj, intencas aranĝi fakkunvenon de tabak-kontraŭuloj dum kongreso kaj petas pri opinioj pri tio, resp. pri alsendo de proponoj (oni intencas plejeble fondi „Internacian Ligon Esperantistan de Tabak-kontraŭuloj“) al adreso: Ligo de germanaj tabak-kontraŭuloj, D-ro Aug. Hloucha, Wien I, Kleeblattg. 7, Aŭstrio.

* * *

*XVI-a Universala Esperanto-Kongreso*
*(KOMERCA KUNVENO)*
*Wien - Vieno.*

Invito al la

### komerca kunveno

sub la honora protekto de la Gremium der Wiener Kaufmannschaft (Gildo de la Viena komercistaro) por trakti pri ĉiuj aktualaj demandoj, kiuj koncernas la enkondukon de nia lingvo en la komercistaron kaj la utiligon de Esperanto por la internacia trafiko. Nur tiaj temoj, kiuj estas gravaj kaj valoraj por ĉiuj landoj, povas esti diskutataj! Por ke ni kiel eble plej baldaŭ povu fiksi la definitivan programon, ni petas, ke oni tuj informu nin pri proponoj, intencataj raportoj kaj referatoj.

Por montri la praktikan uzeblecon de Esperanto ni intencas, se estus eble, aranĝi dum la kongreso

**komercan ekspozicion,**

en kiu diversaj varoj, kiuj iel rilatas al Esperanto, ĉu per vortmarko aŭ signo, ĉu per esperantlingvaj priskriboj, estus eksponiciotaj. Kapablaj kaj spertaj reprezentantoj, kiuj scipovas la lingvon Esperanto, estos je dispono. Oni ne bezonus pagi al ni por la ekspozado de la varoj, sed ni petas, ke oni enkalkulu en la prezojn je nia favoro la laŭbranĉreguloj kutimatajn procentojn. Ĉiuj sendaĵoj, koncerne la komercan konferencon kaj la ekspozicion, estu adresataj al

**Esperanto-Kongreso (Komerca Kunveno), Wien - Vieno,**

Sekr. VI. Mollardgasse 55.

* * *

## Festaranĝoj en Calais dum 1924.

La bela urbo, bana, mara kaj industria, Calais, de kie oni vidas sen aparato la anglan marbordon, kies haveno, dank' al la rapideco kaj sendanĝereco de la transiro, havas, per 450.000 jare, la rikordan nombron de la pasaĝeroj inter Britaj Insuloj kaj la kontinento; Calais, urbo de 73.000 loĝantoj, kiu akiris mondan famon pro ĝiaj belegaj puntoj, aranĝas en 1924 serion da festoj, kiuj disvolviĝos dum la tuta somero: ĉevalkuradoj, boatkuradoj, diversaj sportoj, ekskursoj sur la maro, arekskursoj en Boulogne, Dunkerque ktp., poezia festo en la ĝardeno de la kazino kaj precipe la belegaj festoj de la maro.

Oni ankaŭ organizis en Calais kun la apogo de la Universitato de Lille kvarsemajnan kurson de franca lingvo, kiu estos farata en pluraj lingvoj de bonegaj profesoroj diplomitaj.

La tuta prezo por tiuj kursoj estas 100 frankoj. Post la ricevo de tiu sumo la organizinto sendos ĉiujn utilajn sciigojn.

Krom la hoteloj kaj familiaj domoj de la 15^a de julio la vastaj kolegioj de junuloj kaj junulinoj estas aranĝitaj por komforta kaj ekonomia komungastigado.

Sin turni por la kursoj al S-ro Guerlin de Guer, profesoro de la fakultato de Lille, 103 Rue de Paris, La Madeleine (Nord).

Por nutrado kaj loĝejo al S-ro profesoro Fabre, Rue de la Passerelle, Calais (France).

Por ĉiuj ĝeneralaj informoj koncerne la urbon kaj la festojn aŭ aliajn agrablaĵojn al la Prezidento de Iniciata sindikato (Président du syndicat d'Initiative), Mairie de Calais.

*G. Perrin*, VD. en Calais.

---

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15^a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**



# Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

## OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kč. [12 Kč.]; malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Ruslando pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per papermono en citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro per rekomendita letero.

Modelon de „ALIĜILO“ vidu en O. I. de I. A. E. F., januara numero de „ESPERANTO“.

*Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li varbu almenaŭ unu fervoran membron. Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj.*

Antaŭ vi faras ian demandon al la komitato aŭ redakcio, bonvolu atente tralegi ĉiujn ĝis nun aperintajn sciigojn en „La Fervojisto“, julio 1923, N-ro 1, kaj en Oficiala Informilo depost aŭg.-sept. 1923.

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I.A.E.F. kaj la Oficiala Informilo).

---

**Definitiva propono de kandidatlisto por la estonta I. A. E. F.-estraro:**

1. Prezidanto: Stevan V. Stojnic, kontroloro de ĝenerala ferv. direkcio en Beograd. Kolonija Min. Saobraćaja 17.
2. Vicprezidanto kaj redaktoro: Ilija Puhalo, fervojoficisto, Zagreb, Jezuitska ul. 1.
3. Sekretario: Pavao Butkovic, fervojoficisto, Zagreb, Jezuitska ul. 1.
4. Kasisto: Emil Slaviček, fervojoficisto, Zagreb, želj. spremište materijala.
5. Revizoro: Katica Ščuka, fervojoficistino, Koprivnica, željezn. stanica.
6. „ Sobota Stjepan, fervojoficisto, Koprivnica, željezn. stanica.
7. Asesoro: Stjepan Mužinic, fervojoficisto, Zagreb, Kukoviceva ul. 31. ——— (Ĉiuj sep en Jugoslavio). ———
8. Ktp. — S-roj asesoroj. (Ĉiam unu aktiva membro po ĉiu lando [ŝtato] laŭ proponoj donitaj de partoprenantaj voĉdonrajtaj konferencanoj.)

*Rimarko klariga:* La nuna komitato, transdononta (laŭ statutoj asociaj) post pasintaj du jaroj la ricevitajn funkciojn, proponas kun bona konscienco la supre cititajn gesinjorojn kiel niaj posteuloj.

Ĉiu membro, kiu konsentas, voĉdonu por ili simple per tio, ke li **ne** sendos al la vicprezidanto J. Blažek en Olomouc, Müllerova 24, Ĉeĥosl., karton aŭ leteron! Per la plena silento ĉiu donas sian konsenton, ke ni elektu en Wien la Jugoslavojn kiel novan komitaton de IAEF por la du venontaj jaroj. Kompreneble ĉiu povas sendi skriban konsenton, kiu volas tion fari.

Kiu ne konsentas kun Jugoslavoj, tiu devas nepre sendi almenaŭ poŝtkarton al S-ro Blažek kaj mallonge klarigi la kaŭzon, kial li ne povas voĉdoni por ili, prezentante samtempe alian kand. liston, kiun ni ankaŭ publikigos en venonta O. I.

Nia propono bazas sur spertoj, ke nune la gvidantaj IAEF-estraranoj devas aparteni al tiusama ŝtato pro ĝisnunaj vojaĝmalfacilaĵoj. La nunaj IAEF-estraro kaj la O. I.-redakcio devas atesti malkaŝe, ke la jugoslavaj samideanoj laboris tre vigle kaj fervore por la IAEF dum la tuta pasinta jaro kaj ili promesas eĉ estonte objektive, internacie daŭrigi la laborojn laŭ programo asocia, ili volas serioze pluengvidi la IAEF kaj gardi ĉiam la interesojn de ĝiaj anoj!

Ni esperas, ke pro neceseco organiza, pro sukceso de nia internacia asocio neniu parolos aŭ balotos kontraŭ tiu ĉi kandidatlisto.

S-ro Stevan V. Stojnic respondinte nian demandleteron promesis akcepti la funkciojn proponitajn en nomo sia kaj de ĉiuj siaj gekolegoj en tiu kazo, se ili estos elektitaj.

Ni ripetas, ke ni povas plej bone rekomendi al ĉiuj niaj fervoraj samcelanoj la elekton de jugoslavaj gesamideanoj cititaj en la supre publikigita kandidatlisto.

| | |
|---|---|
| *Josef Blažek,* | *Emanuel Kubásek,* |
| oficanta vicprezidanto | asocia ĉefkasisto |
| p. m. | p. m. |

**Geamikoj ĉiulandaj!** Venu ĉiuj en Wien-on la 6an de aŭgusto 1924 en bona saneco! En la akceptejo vi ekscios, kie kaj je kiu horo okazos fervoja jarkunveno (fakkunsidoj). Tie ekkonatiĝinte persone, ni konsiliĝos pri necesaj estontaj laboroj organizaj, ĉu ni estas kapablaj atingi la fincelon starigitan en nia programo. Nepre necese estas, ke partoprenu nian jarkunvenon en Wien ĉiulandaj asesoroj, kiuj estis elektitaj en Helsinki kaj en Nürnberg. La landoj (ŝtatoj), en kiuj ne ekzistas ankoraŭ elektitaj asesoroj, sendu minimume 2—3 reprezentantojn (delegitojn), rajtigitajn voĉdoni pri ĉiuj punktoj de tagordo publikigita en aprila O. I. La komitato.

**Propono grava** al la XVIa U. K. de Esperanto en Wien, farita de nia asesoro por Svedujo:

Ĉar la plimulto de fervojistoj en ĉiuj landoj ne povas ricevi tute certe kaj sufiĉe frue la necesan forpermeson, ili ne povas sin anonci (aliĝi) ĝustatempe kiel kongresanoj. Pro tio oni proponas, ke la L. K. K. de XVIa akceptu la aliĝojn *de ĉiulandaj gefervojistoj ĝis fino de julio sen pli-altigo* de kongreskotizo.

Rim. red.: Nia asesoro por Aŭstrio, S-ro H. Steiner, estas petata, sciigi tion afable tuj al la L. K. K. de la XVIa. Tiamaniere oni ebligus al pli multaj gefervojistoj la partoprenon je la XVIa. *J. B.*

**Fako por korespondado.** El Svedio ni ricevis salutleteron kun bela vidaĵkarto de nia asesoro S-ro K. Axel Elfving. Akceptu reciproke niajn korajn salutojn. Ankaŭ en Ĉeĥoslovakio estas ankoraŭ malvarma pluva vetero (eksterordinara jaro). Niaj fervojaj direkcioj nuntempe oficiale konstatas, kiuj niaj konduktoroj scias Esperanton, ili veturos kun ordinaraj kaj rapidtrajnoj irantaj al XVIa en Wien. Do ĝis revido en saneco en Wien la 6. VIII.

**S-ro D-ro Ed. Spielmann, del. de UEA, Bern, Svislando.** Dankon por la bone ricevita (10. V.) bele ilustrita broŝureto „Gvidlibro tra Svislando“. Mi ĝoje promesas al vi, ke ni faros kun ĝi ĉiam kaj ĉie bonan propagandon.

**Novaj membroj de IAEF** (Daŭrigo)
(Vidu la lastan nomaron en marta Oficiala Informilo).

289. *Zetterberg,* Erik, kontoristo, *Bro,* fervojo: SWB, Oppland, Sved.
290. *Waag,* Axel Konrad, lokomotivestro, *Ludvika,* str. Box 550, Sved.
291. *Karlsson,* Gustav, fervojisto, *Tillberga,* fervoja stacio, swb. Westmanland, Svedio.
292. *Butkovic,* Pavao, fervojoficisto, *Zagreb,* Jezuitska ul. 1, Jugosl.
293. *Sobota,* Stjepan, „ *Koprivnica,* stacidomo, „
294. *Ščuka,* Katica, „ ino, „ „ „
295. *Habdija,* Franjo, inspektisto de fervojlinioj, *Križevci,* Gajeva ul. 241 „
296. *Jakovic,* Teodor, fervojoficisto, *Zdenčina,* stacidomo „
297. *Branko,* White „ *Bjelovar,* „ „
298. *Slaviček,* Emil „ *Zagreb,* fervoja material-magazeno „
299. *Stojnic,* Stevan, kontrolisto, Generalna direkcija Drž. Željeznica Kolonija Minist., Saobraćaja 17, *Beograd* „
300. *Bruck,* V., D-ro de jure, *Roma,* Villa Umberto I, Italio.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Elekto de la Komitato de UEA.** — Je la 16 junio ni forsendis al ĉiu Delegito kaj Vicdelegito la — Oficialan Bultenon N-ro 12 — kun la dokumentoj pri la elekto kaj voĉdonado al la nova komitato de UEA. Delegitoj nericevintaj tiun bultenon, volu tion sciigi al la Centra Oficejo.

**Statistiko pri la servoj 1923** — Kun la Bulteno N-ro 12 estas sendata ankaŭ la Demandaro pri la servoj dum 1923; ni memorigas, ke estas nepre necese respondi tiun demandaron kaj ni atentigas tie ĉi pri la artikolo: Bibliografio kaj statistiko de D-ro Dietterle en la aprila numero de Esperanto.

Nerespondintoj ĝis fino de aŭgusto estas avertotaj kaj citotaj en la oficiala gazeto.

**Jarlibro 1924.** — Ĝi presiĝas dum tiu ĉi monato kaj estas ekspedota antaŭ la fino de junio, al ĉiuj pagintaj la kotizon por 1924 kaj al la dumvivaj membroj. Personoj nericevintaj la eldonaĵon je oportuna tempo volu reskribi al la Centra Oficejo.

**Subtenantaj membroj.** — Ni memorigas tie ĉi, ke ĉiu subtenanto rajtas ricevi premion konsistantan el libroj; de nun, Subtenanto, rajtas elekti *unu* el la jenaj sendaĵoj:

1. Fundamenta Krestomatio de Esperanto.
2. Enciklopedia Vortaro de Verax. (En Esperanto).
3. Vortaro de Esperanto (Kabe).
4. Christaller: Wörterbuch Deutsch-Esperanto.
5. Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio.

**Subtenantoj.**

*Kvara listo:*

153. S-ro Hempel, Berlin; 154. S-ro Goldmann, Charlottenburg; 155. S-ro Alf. Schmidt, Hegewald, Ĉ. S. R.; 156. S-ro Löthmann, Pihäjärvi, Finnlando; 157. S-ro Ozouf, Le Vésinet, Paris; 158. S-ro Romano, Paris; 159. S-ro Bojda, Moravka; 160. S-ro Wicht, Crimmitschau; 161. S-ro de Villa, Habana; 162. S-ro Richard, Tanger; 163. S-ro Rodriguez, Meksiko; 164. S-ro Fernandez, Meksiko; 165. S-ro Cambralla, Montevideo; 166. S-ro Legrand, Montevideo; 167. S-ro Sörensen, Skjelskör, Dan.; 168. S-ro Karas, Athènes; 169. S-ro Protopapas, Athènes; 170. S-ro Moser, Zürich; 171. S-ro Vaona, Verona; 172. S-ro Rother, Krefeld; 173. S-ro Goldfeder, Hoscza; 174. S-ro Goodland, Boston; 175. S-ro Crestoni, Legnago; 176. S-ro Loose, Königsberg; 177. S-ro Graser, Hanau a. M.; 178. S-ro Aussenac, Sézanne [Marne]; 179. S-ino Aussenac, Sézanne; 180. S-ro Ödegard, Hudiksvall; 181. S-ro Svensson, Linköping, Svedio; 182. S-ro Guéritte, London; 183. S-ro Bagdonas, Mariampole; 184. S-ro Merchant, Sheffield; 185. S-ro Bowker, Sheffield; 186. S-ro Gallardo-Mendez, Orizaba; 187. S-ro Aleksandrov, Moskvo; 188. S-ro Morozov, Kandalakŝa; 189. S-ro Chomette, New York; 190. S-ro Busch, Berlin-Wilmersdorf; 191. S-ro Pfütze, Falkenstein; 192. F-ino Lindberg, Gämle, Sved.; 193. S-ro Andrew, Feilding (Aŭstralio); 194. S-ino Cary, Amherst, U. S. A.; 195. S-ro Murray, Detroit; 196. S-ino Umanski, Genève; 197. S-ro Fischer, Bukuresti; 198. S-ro Matthey, Le Locle; 199. S-ro Baudouin, Genève; 200. S-ro Carlsen, Odense.

**Al la 400 bezonataj mankas ankoraŭ 200! Kiu sekvas?**

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

**Alfeld [Leine],** Germanio, Hannover — D: S-ro August Klespe, vojaĝisto por reklamaferoj, Gerzen 22

**Aloja,** Latvio, Volmara — D: S-ro Aleksandro Antons, instruisto

**Altona,** Germanio, Schl.-Holstein — D: S-ro Karl Lind, instruisto, Grosse Rainstr. 9, bei Frau Gerloff
VD: S-ro Walter Meier, administra oficisto, Wielandstr. 10

**Antony,** Franclando, Seine — D: S-ro Albert Dauphin, administranto de Esperanta Centra Librejo, Rue Bellevue 62 bis

**Arcueil,** Franclando, Seine — D: S-ro Auguste Mathis, 5 bis Rue Emile Raspail

**Athènes,** Greklando — D: S-ro Trifon Improĥoris, subkolonelo, Str. Aristotelo 63
VD: S-ro Johano Hydraios, Str. Macédoine 3-B

**Bankstown,** Aŭstralio, N. S. Wales — D: S-ro Adegar, Alf. Pryke, vendisto, „Bonespera", Hoskin's Av.

**Bayonne,** Franclando, B. Pyrénées — D: S-ro René Deshays, profesoro, Villa Félix

**Bingen am Rhein,** Germanio, Hessen — D: S-ro Jakob Keim, oficisto, Rupertusstr. 5

**Borohrádek,** Ĉeĥoslovakio — D: S-ro Robert Seidl, arbaristo
VD: S-ro Josef Koubek, fervojoficisto

**Boryslaw,** Pollando, Galicio — D: S-ro Boleslaw Czechowski, modelisto

**Canicatti,** Italio, Girgenti — D: S-ro Palermo Calogero, librotenisto, Via Vicola S. Rosalia 27

**Charvatce,** Ĉeĥoslovakio, Roudnice — D: S-ro Vaclav Heisler, komercisto
VD: S-ro Stanislav Maupic, komerca asistanto

**Courbevoie,** Franclando, Seine — D: S-ro Edmond Bresson, subintendanto pensiita, 17 rue Chanzy

**Croydon,** Britlando, Surrey — D: S-ro Richard Kenneth, Hurgon, studento, 32 Friends Rd.
VD: S-ro John Bredall, 3 Birdshurst Rd. South Croydon

**Dobruŝka,** Ĉeĥoslovakio, Or. Bohem. — D: F-ino Marie Marelová, instruistino

**Dol. Kounice,** Ĉeĥoslovakio, Moravio — D: S-ro Theodor Kilian, instruisto, Jiráskova 317

**Fermo,** Italio, Ascotti Piceno — D: S-ro Alessandro Mazzolini, eks-instruisto

**Furth im Walde [Oberpfalz],** Germanio, Bavario — D: S-ro Josef Altnöder, doganinspektoro.

**Grusbach,** Ĉeĥoslovakio, Moravio — D: S-ro Hans Noisser, fakinstruisto

**Hatillo,** Kubo, Oriento — D: S-ro Ernesto Garcia Palacio, oficisto

**Homberg,** Germanio, Rhein-Prov. — D: S-ro Ewald Desch, popollerneja rektoro, Feldstr. 22
VD: S-ro Josef Bamberger, minoficisto, Moors-Hochstrafs, Eichenstr. 198

**Jaroměř,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: F-ino Konstantine Scharfenbergerova, Jaroměř-Klouzkov 119
VD: S-ro Emil Kuhn, ĉefleŭtenanto de artileria regimento 301, urba ĉefplaco 63

**Josefov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: F-ino Božena Veselá, oficistino, 21

**Kazanlik,** Bulgario — D: S-ro Boris Drandarov, gimnazia instruisto

**Kingston on Thames,** England, Surrey — D: S-ro Leslie Dibben, tajloro, „The Lodge" St. James Rd.
VD: F-ino Emily Alice Jones, 17 Knights Park

**Konstantinopolo,** Turkio. — D: S-ro Constantin Anastassiadi, inĝeniero, Rue Validé Djismé 37-39, Péra Konstantinopolo

**Korneuburg,** Aŭstrio — D: S-ro Hugo Steiner, inspektoro fervoja, Bisamberg 248
VD: S-ro Mathias Altrichter, studento, Hoevengasse

**Krian,** Nederl. Hindio, Java — D: S-ro Cornélius Doudé Boersma, librotenisto, sukrofabriko „Krian"

**Kukan,** Ĉeĥoslovakio, Gablonz — D: S-ro Adolf Wabersich, ŝpinisto de vitraĵoj, No. 308
VD: S-ro Ferdinand Krems, bankoficisto, Eichengasse 293

**Landskron,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro D-ro phil. Alfred Grimm, prof., Herrengasse 1

**Lord Howe Island,** Aŭstralio, N. S. Wales — D: S-ro Maximilian Nicholls, instruisto

**Mablethorpe,** Britlando, Lincolnsh. — D: S-ino Elsie Burkitt, instruistino, „Merriville", Victoria Rd.

**Marschendorf,** Ĉeĥoslovakio — D: S-ro Josef Tasler, Marschendorf I bei Trautenau

**Mittweida,** Germanio, Sachsen — D: S-ro Rudolf Hildebrand, instruisto, N-ro 42 B, Altmittweida
VD: S-ro Oskar Fischer, instruisto, 42 B, Altmittweida

**Mostar,** Jugoslavio, Hercegovina — D: S-ro Rafael Krtalič, arĝentisto, Luka ulica
VD: S-ro Lavoslav Seŝelj, fervoja oficisto, Kolodvor

**Německý Brod,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Antonin Heyrovský, doktoro de juro, ŝtata distrikta administradkomisario, N-ro 244

**Neunkirchen,** Saarteritorio. — D: S-ro Rudolf Gerlach, materialejestro, In der Gehsbach 24
VD: S-ro Karl Koch, librotenisto, Heizengasse 13

**Podgora,** Jugoslavio, Dalmatio — D: S-ro Simun Sumiĉ, lignaĵisto
VD: S-ro Vjeskoslav Pavlinovic, laboristo

**Pontypool,** Britlando, Monmouth-Shire — D: S-ro Ivor Williams, 58 Osborne Rd.

**Puletschnei,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: Robert Rösler, instruisto, N-ro 150
VD: S-ro Erwin Appelty, produktisto de imititaj perloj, N-ro 158

**Rayleigh,** Britlando, Essex — D: S-ro Alf. Wheeler Lyndrigde, komerca instruisto, „Highfield", The Chase

**Razgrad,** Bulgario — D: S-ro Ljubomir Nenov, komercisto, Magazin „Esperanto"

**Reichenau bei Gablonz,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Anton Püschel, komercisto

**Rochlitz an der Iser,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Hans Schier, desegnisto, Rochlitz 2

**Rüstringen,** Germanio, Oldenburg — D: S-ro Willi Eckerl, komercisto, Roonstr. 17, Wilhelmshaven

**Saarbrücken,** Saarteritorio — D: S-ro Carl Krämer, instruisto, Hohenzollernstr. 156
VD: S-ro Adam Bloch, komercisto, Schulstr. 11

**Sendai,** Japanio — D: S-ro Usabura Iŝikawa, sekretario en imperia fervojo, Sendai Tetudo-Kyoku

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini*, Fermo (Italio).

SOLVOJ:

n-ro 25 = Lun-do, n-ro 26 = Dub-lino, n-ro 27 = Ver-bano.

La *alumetludojn* oni solvas aranĝante laŭ taŭga maniero sur la tablon lignajn alumetojn. Jen la formoj de ĉiuj la literoj, tiel ricevotaj: oni rimarku, ke la plejmulto de la literoj konsistas nur el alumetoj entjeroj, sed bezonas ankaŭ duonalumetoj.




28. **Alumetludo.**

Dudeksep alumetojn prenu vi | por presi nomon de | urbeto sicilia; | vi tiun nomon poste | aliformigu (dividante du | el viaj alumetoj | duone, kaj ŝanĝante | ne la nombron de la | donitaj alumetoj) | en nomon de famulo | en l' urbo naskiĝinta | kies nomon vi estas ĵus presinta. | (Vi pensu do, leganto: (3.1416....)

29. **Kruca vortgrupo.**




1. 2. 3' = Bataliona parto. | 3. 2. 1' = Ornama elstaraj' arĥitektura. | 4. 2. 5' = Organo ĉefa, centra | estas de nia korpo. | 5. 2. 4' = Grandega ŝtono | jen.

30. **Triangula vortgrupo.**




1. 2 = Vekilo vivanta. | 2. 1 = Vivanta vekilo. | 3. 1 = El tolo jen ujo. | 3. 2 = Jen ujo el tolo. | 1. 2. 3 = De nukso tre granda. | 2. 1. 3 = De tre granda nukso. | 1. 3. 2 = Rusuja soldato. | 2. 3. 1 = Soldato rusuja.

31. **Plenigota versaĵeto.**

(El Voltaire).

Ofte super ****** | estas pli ol alia | afer' necesa ***

32. **Prihordemando.**

En kia horo | interjekci' disigas du ekstremajn | fratojn, kies unua | estas la lasta, lasta la unua?

33. **Malĝustaĵo.**

Jen en ter' kaj en aero | la unua; jen en maro | la alia; la tutaĵo | estas vort', estas kalkulo, | opini' neĝusta, ekster | la praveco, la vereco.

34. **Inter teroj kaj maroj.**

Necesa por la korp' mia unua; | necesa por l' animo mia dua; | inter du kontinentoj, | inter du oceanoj la tutaĵo.

35. **Varma insulo.**

Varman insulon vi | vidos aperi tri | pronomojn kunigante | al kapo de Orfeo.

36. **Varmega preskinsulo.*)**

Vort' signifanta „de kontraŭa senco" | kuniĝis al | unua parto de kometo por | estigi grandan | varmegan preskinsulon.

37. **Afrika urbo.**

Duon de ses kaj ulo | el la heroa lando | de Sobieski, jen | afrika urbo en | Mar' Mediteraneo.

*) *Preskinsulo*, laŭ mi proponebla vorto, aldonebla al la samsignila *duoninsulo*. *A. M.*

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 110.**
*H. Steding*, Bremen.
[Originalo].



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 111.**
*Fr. Hájek*, Praha.
[Originalo, korektita probl. n-ro 105].



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 112.**
*J. Cumpe*, Bohumilice.
[Časopis Čes. Šachistů 1924].



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 113.**
*W. A. Shinkman.*
[National-Zeitung 1924].



Blanko matas per la **3-a** movo.

Probl. 110 kunligas kelke da simplaj variantoj. Rilate la uzitan materialon la verko indus enhavi almenaŭ unu maton regularan. La verko 105 montris gravan konstrumankon. Ĉar nia ŝakangulo penas ĉiam servi per la eduka flanko al nia internacia problemadeptaro ni notas tie ĉi la difekton:

La nigra defendo 1.... Da 8 — d 8 permesis la dualon 2. Ĉf 5 — c 7 aŭ 2 Ĉf 5 — d 6 kaj iĝis ankaŭ perdita la modela matbildo 1... d 5×e 4, 2. e 2 — e 3+, Rf 4 — g 5; 3. Kf 2 — h 4, pro la simpla solvo 1. ...d 5×e 4, 2. Kf 2 — e 3, kion la aŭtoro tute ne rimarkis. La pozicio 111-a forigas la difekton kaj ankoraŭ pliriĉigas la verkon per unu nova matbildo. La matoj, krom unu estas regularaj. La verkoj 112 kaj 113 prezentas la ĉiam ĉarman teknikon de la kunludo de du Turoj kaj unu malpeza figuro. La miniaturo de Shinkman ĉarmigas per du analogiaj ludoj.

*Korekto.* — N-ro 106 ne estas rekta problemo. La postulo devis vorti: Sinmato per la 2-a movo. Ankaŭ estas necese transporti la Damon el e 8 en d 8.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 107: 1. Dc 1 — a 3, b 4×a 3, 2. Ĉh 6 — f 5 ktp; 1... b 4×c 3, 2. Ĉh 6 — g 4 ktp; 1... alimove, 2 Da 3×b 4 ktp.
N-ro 108: 1. Db 4 — b 1, Kb 6 movas, 2 Db 7 m.; Ĉd 1 movas, Tg 1 m.; Pf 5 movas, Dh 7 m.
N-ro 109: 1. Rc 3 — b2, c 4 — c3+, 2. Rb2×a 1, b3 — b2m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 103, 104, 105, 106 J. Schmid, Salzburg (Aŭstr.); H. Böhme, Tuttendorf, Sa. (Germ.); 103, 104, 105 H. T. Bailey, London; W. Smoleń, Grabów (Pol.); 103, 104 H. Sentis, Grenoble (Franc.); J. Tasler, Marschendorf I (Ĉ. S. R.); 97 J. Alvarez Pérez, Caracas (Venezuelo); 107, 108, 109 H. Steding, Bremen-Horn.

*Korespondo:* Ni ne notis la multoble alsenditan duasolvon de la neĝusta probl. 106. — S-ro H. Steding, via trimova problemo meritus alian ŝlosilon. La D forlasas kampon, kie ĝi estas atakata, kaj tiu formovo estas facile ekkonebla. Ĉu ne estas la alero alifarebla? — La eldonistoj Hijo de Paluzíe, Barcelona sciigas, ke ambaŭ ŝakverkoj esperantlingvaj elĉerpiĝis, kaj ne estas plu haveblaj.

Samideanoj, pasigu vian libertempon en la ĉarma montvilaĝeto **TSCHIERTSCHEN** ap. **CHUR** (Coire, Cuera) Svislando — 1350 m super la maro —

# ∴ PENSIONO ERIKA ∴

vin akceptos je moderaj prezoj. Facilaj kaj porspertulaj montarekskursoj. — — Prospektoj de **Jak. Wiesner**, posedanto.

# ĈU VI JAM MENDIS

la Esperanto-tradukon de

# EŬROPO ĈE LA ABISMO

de

FRANCESCO NITTI

iama ministrara prezidanto itala

Sole rajtigita eldono en Esperanto, tradukita de

ROBERT KREUZ

Kun speciala antaŭparolo kaj bildo de la aŭtoro.

La modera prezo de 3.— ormarkoj

ebligas al ĉiu havigi al si la libron.

La verko devas troviĝi en la biblioteko de ĉiu esperantisto. Ankaŭ tiu, kiu ne okupas sin pri politiko aŭ havas alian opinion, devas posedi la libron. *Ne hezitu* do subteni tiun ĉi praktikan aplikon de Esperanto.

**Mendu tuj**

kaj turnu vin pro detaloj al la eldonejo.

La livero al privatpersonoj okazos nur post antaŭa pago de la sumo de 3.— ormarkoj plus sendkostoj de 20 orpfenigoj po ekzemplero, pagebla en la valuto de la koncerna lando, transkalkulita je la kurso de la borso de Zürich. (Revendistoj turnu sin pro specialaj kondiĉoj al la eldonejo.)

Frankfurter Societätsdruckerei, G. m. b. H.
Abteilung Buchverlag, Frankfurt am Main
(Germanujo).

ĴUS APERIS:

NOVA BIBLIOTEKO ESPERANTO N-ro 2

# · ŜOLANDRO ·

de Waldemar Bonsels

**tradukita de D-ro Edmund Sós.**

Ĉiuj esperantistoj ĝojos povante legi unu el la plej belaj noveloj de la eminenta verkisto. La originalo atingis pli ol cent eldonojn.

**Prezo broŝ. 1 ora marko** (1.50 sv. fr.). Aĉetebla ĉe
**Eldonejo Paul Knepler, Wien I,** Lichtensteg 1
kaj en ĉiuj librovendejoj.

**Rapidu!** **Pro likvido estas disvendataj kun 50 procentoj da rabato la lastaj cent ekzempleroj de l' interesplenaj verkoj:**

LA BULGARA LANDO KAJ POPOLO . . . . . . . . . . 2.— sv. fr.
EL LA PROKSIMA ORIENTO . . . . . . . . . . . . . 1.25 „ „
BULGARA-ESPER. KAJ ESPERANTA-BULGARA VORTARO 2.— „ „

**Ĉiuj kune nur por 5 sv. fr. afrankite. La unuaj dudekkvin mendintoj ricevos aldone „BUKEDETO“ de Marg. Krestanoff, kun antaŭparolo de Marie Hankel. — Mendu tuj ĉe l' aŭtoro:**
**Iv. Krestanoff, Wintergartenstrasse 9, Dresden-A. 16, Germani.**

## Atentu Itallingvanoj!

Aperis la 3ª eldono de la

# Dizionario Italiano Esperanto

de la eminenta itala pioniro **Prof. G. Meazzini**
kun nova priprogresa antaŭparolo kaj nacinomaro laŭ moderna grafio.
Bele kaj fortike bindita en formato 9×13, L. 10.—,
ekspedo rekomendita L. 12.20.

**Raffaello Giusti, editoro, Livorno, Italio.**

Dum la XVIa Kongreso kaj ĉiam trovas samideanoj agrablan loĝejon kaj bonan nutraĵon en la famekonata

# „PENSION ESPERANTO“

**WIEN IV, Argentinerstrasse 53, proksime de la kongresejo.**

Certigu al vi loĝejon ĝustatempe por la XVI. — Aldonu respondkuponon ĉe demando.

*Mi oferas* ***kvin funtojn sterlingajn*** *al tiu kiu sendos al mi medikamenton aŭ skribos al mi per kia rimedo elkuraci la kalojn. Ĝislonge provinte ĉiujn konatajn rimedojn sensukcese, ĉu iu el modernaj kuracistoj scias ian realan rimedon por helpi min?*

*Vera laŭ promeso nur al reala rimedo!*

*J. M. Vuyiĉiĉ, G. P. O. Auckland, Novzelando.*

**Malaperintaj samideanoj.**

Kiu donos al mi sciigojn pri S-ro **Rudolf Novy** el Kladno kaj pri S-ro **Golev** el Moskva? — *Jacquemont,* 3 place de Monplaisir, Lyon.

S-ro *Jozefo Stender,* str. Darzali 23, Bucureşti, serĉas informojn pri la sorto de S-ro **Nikolao I. Buzni,** fininta liceajn studojn en 1918 en Simferopol (Rusio).

S-ro **Radislav Luke Stankowiĉ** kun siaj gepatroj el Sremska Mitrovica formigriĝis antaŭ la mondmilito en Usono. Gesamideanoj pri ili ion sciantaj bonvolu informigi la S-ro Ĝorĝe P. Radovanoviĉ, Sremska Mitrovica, Jugoslavio (Eŭropo).

*LITERATURA INFORMILO*

*estas sendata senpage laŭ peto*

*Ferdinand Hirt & Sohn :: Esperanto-fako*

*Leipzig, Salomonstrasse 15.*

**Germana samideano komercista**

serĉas pruntaĵon de

# 1500-3000 dolarojn

Akurata procentpago. — Certeco garantiota.

Albert Führer, Gerstungen i. Thür.
(Germanio).